2.ª Ep. AÑO VI N.º 33 (169) SEPTIEMBRE-OCTUBRE 1968




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# LA 53ª U. K. DE ESPERANTO EN MADRID BONE SUKCESIS

Antaŭ la **Sindikata** Palaco, granda afiŝo kaj hispanaj kaj esperantaj flagoj bonvenigas la esperantistojn.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Str. Torre Nueva, 30, 1.º ZARAGOZA
Redacción y Administración:
Secretaría: Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.
Director: Domingo Martínez Benavente

ADRESOJ

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.º
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.º
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.

Ĉekkonto: n.º 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.



## De secretaría

Kiel vi bone scias, tuj kiam nia Prezidanto petis de nia Registaro ejon por okazigi la 53-an U. K. de Esperanto, oni metis je nia dispono senpage la Sindikatan Palacon kaj ankaŭ metis je nia dispono senpage la Aŭditorion de la Ministrejo de Informado kaj Turismo.

Al tiu Ministerio, ankaŭ ni devas danki la belajn afiŝojn por anonci la Kongreson kaj la donacojn, kiujn sendis por ĉiuj partoprenantoj en la 53-a, nome: plastikaj tekoj enhavantaj plurkolorajn broŝurojn pri Hispanujo kaj mapon; diskojn kun hispana muziko; enirbiletojn por ĉeesti «Festivales de España» (prezentado: Baleto de la Opero de Bucarest) kaj inviton al la Eksterordinara Koncerto de Hispana Muziko dediĉita al partoprenantoj de la 53-a U. K. de Esperanto. La Koncerto de la Sinfonia Orkestro de la Radio kaj Televido Hispana, okazis en la Aŭditorio de la Ministrejo de Informado kaj Turismo.

Tial ke tiuj programeroj ne estas Esperanto kaj sekve ili *ne devas aperi* en la programo de la Kongreslibro, la Federacio pretigis apartajn programojn de la Koncerto.

---

**Eksterordinara numero de Boletin. Prezo: 25 ptoj.**

---

*MENDU JAM*

| | |
|---|---|
| Belajn glumarkojn de la 53-a U. K., folio 10 glm. | 10,— Ptas. |
| Belajn glumarkojn de Of. Postkongreso, folio 6 glm. | 3,— » |
| Poŝtkartojn de la Of. Postkongreso, unu ekz. | 3,— » |
| Plurkolorajn Kristnaskajn kartojn, unu ekz. | 2,— » |
| Plurkolorajn bildkartojn «Nia Sinjorino de la Espero», unu ekz. | 3,— » |
| Bildkartojn «Patro nia», unu ekz. | 2,— » |
| Poŝtkartojn kun Esperanto-alegorio, deko | 6,— » |
| Kovertojn kun la teksto «Esperanto, la Lengua Internacional», deko | 5,— » |
| Insignojn (rondaj kaj stelformaj, pinglaj kaj butonaj), unu | 8,— » |
| Insignojn kun teksto Esperanto parolata (pinglaj), unu | 35,— » |
| Afiŝetojn kun teksto Esperanto parolata (glueblaj), unu | 14,— » |
| Insignojn ovalajn, rondajn kaj stelformajn (glueblaj), unu | 10,— » |

# LA 53ᵃ UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN MADRID

## 3 - 10 AŬGUSTO 1968

## KUN 1700 PARTOPRENANTOJ EL 40 LANDOJ

Inter la 5-a U. K. en Barcelona (1909-a) kaj la 53-a en Madrid interpasis 59 jaroj. Tio signifas, ke krom malmultegaj tre respektindaj samideanoj, tute novaj homoj, novaj adeptoj, novaj gvidantoj aŭ kongresantoj kolektiĝis en Madrid, la bela hispana ĉefurbo. Mortas la homoj, pasas la generacioj, sed tamen nia verko restas kaj pluvivas pro la obstina kredo, ke neŭtrala lingvo estas nun same necesa aŭ pli necesa ol iam ajn antaŭe.

*Vendredon la 2-an de Aŭgusto.* — El plej diversaj mondopartoj jam ekfluas kvazaŭ riveretoj al ĉefa rivero, samideanaj grupoj aŭ unuopuloj al granda centro, Madrido, kie amasa, impona kolektiĝo penos per sia eksterordinareco rompi pri Esperanto la inertecon aŭ skeptikecon de la homoj. Je tiu punkto mi devas bedaŭri ke nombraj hispanaj samideanoj restis hejme! Ili eble ne konscias ke Universala Kongreso estas la sturmarmeo de nia lingva pacmovado.

Ni atingas Madridon. La vagonaro haltas. Potenca voĉo en Esperanto vokas nin. Tio estas bona. Miloj da homoj surprizite aŭdas la nomon Esperanto, kaj vortojn, kiujn ili ne komprenas; sed ili scias kaj konscias, ke la Internacia Lingvo ekzistas. Verŝajne dum sia enurba irado ili ankoraŭ puŝiĝos plurfoje kontraŭ esperantistoj aŭ esperantaĵoj. Vespere okazis Gazetara Konferenco, kiun partoprenis 12 ĵurnalistoj kaj reprezentantoj de Radio kaj Televido.

*Sabaton la 3-an de Aŭgusto.* — La alfluo de kongresanoj atingis sian kulminon je la alveno de 6 jugoslavaj aŭtobusoj kun pli ol 300 personoj.




Parto de la Kongreseja halo



Parto de la koridoro kie funkciis kelkaj giĉetoj

Ĉie antaŭ la giĉetoj svarmas la kongresanoj, ĉu por la dokumentoj ĉu por la ekskursoj, ĉu por la bankedo, ĉu por mil personaj problemetoj, kies solvon la bravaj deĵorantoj afable klopodas trovi. Kun la kongresdokumentoj oni ricevis nombrajn planojn, broŝurojn kaj prospektojn arte presitajn pri Madrido kaj Hispanujo, ankaŭ donace de la Ministerio, oni ricevis gramofondiskojn kun ses karakterizaj hispanaj kantoj.

Kaj, dum la amaso da alvenantoj klopodas aranĝi sian kongresan loĝadon kaj iom lerni la Madridan stratplanon por la oftaj translokiĝoj, la Estraro kaj Komitato de U. E. A. kunsidas por diversaj pritraktoj.

**Solena Malfermo. La Prezidanto de U. E. A. Prof. Dro. Ivo Lapenna, malfermas la Kongreson**

Kiel memorigan libron de la 53-a U.K., la Hispana Esperanto-Federacio elektis la gravan ĵus aperintan 288-paĝan romanon de Victor Catalá «Soleco» tradukitan de nia veterano el Tarrasa, S-ro. Josep Ventura. «Soleco» akompanu vin, samideanoj, bele starante antaŭ vi, sur via librobreto! Ankaŭ aperis, okaze de la Kongreso, la 320-paĝa sentenco-libro «VOJO» de José María Escrivá de Balaguer, fondinto de «Opus Dei». Tiu verko estas tradukita en 17 lingvojn kaj la Esperantan tradukon faris S-ro. Nicolás López Escartín el Zaragoza. Ankaŭ aperis, eldonita de nia Federacio la broŝureto «FILOZOFIO DE FANTOMO» de Wenceslao Fernández Flórez, la tradukon faris nia forpasinta samideano Luis Hernández el Valencia.

La Interkona Vespero en Círculo de Bellas Artes okazis vespere kun pli ol mil kongresanoj. Ĝi estas tre plaĉa programero, la unua, eble la plej homa: Renkontiĝo de amikoj el plej diversaj landoj, persona konatiĝo kun aliaj malproksimuloj... Kies alia kongreso, eĉ se tre pompa, povas prezenti similan aranĝon kun lingva egaleco?

*Dimanĉon la 4-an de Aŭgusto.* — Je la 9-a 30 okazis la Inaŭguro. Profesoro D-ro. Ivo Lapenna, kiel prezidanto de U.E.A. dankas la hispanajn aŭtoritatojn pro la bona helpo al la Kongreso. Lia Ekscelenca Moŝto S-ro. Marcelo Fraga Iribarne, oficiala reprezentanto kaj ĉefdelegito de la Ministrejo de Eksteraj Aferoj salute paroladis. La Vicprezidanto de U. E. A., S-ro. Wensing esprimis dankon al hispanaj aŭtoritatuloj pro la faciligoj al nia 53-a U. K., atentigante pri la hispana ĉarmo, la varma suno kaj la bela lingvo, kies plurajn trajtojn havas Esperanto. Sekvis emociaj vortoj de nia Prezidanto. Prof. Miguel Sancho Izquierdo, pri la 5-a Universala Kongreso en Barcelona. Efektive, li estas unu el tiuj malmultegaj tre respektindaj pioniroj, kiuj antaŭ 59 jaroj povis premi la manon de D-ro. Zamenhof!



**Lia Ekscelenca Moŝto D-ro. Marcelo Fraga Iribarne, oficiala reprezentanto bonvenigas la kongresanojn.**

Post kelkaj vortoj de S-ro. Günter Becker, salutis la kongresanojn la reprezentantoj de Aŭstrujo, Belgujo, Kanado, Italujo, Nederlando, Norvegujo kaj Svedujo. Sekvis muzika interludo, kaj la salutoj de Landaj Asocioj, entute 33. El la salutoj, menciindaj estas la invito de la Finnlanda reprezentanto, S-ro. Harri Melasnieni, al Helsinki, urbo de nia U. Kongreso en 1969-a j, kaj la sciigo de S-ro. Jerzy Uspienski, ke la Pola Radio elsendos de proksima Oktobro, trifoje ĉiutage en Esperanto.

Nove sonas muzika interludo, kaj... la Festparolado de Profesoro Ivo Lapenna, Prezidanto de U. E. A. Liaj «Kelkaj fundamentaj tezoj» estas meditindaj, plenumindaj. Ĉar ni ne povas en raporto redoni la tutan paroladon, ni citas la 4-an punkton: «Por rapidigi la solvon necesas ke la rimedo estu kiel eble plej ellaborita, maksimume perfekta, tiel ke en ĉiu momento ĝi plene taŭgu por la samtempaj bezonoj de internacia komunikado en ĉiuj sferoj de la vivo. Tio signifas, ke necesas daŭre evoluigadi la lingvon, praktike ĝin uzadi, riĉigadi ĝin per nova kultura enhavo, sed samtempe *konservi ĝian absolutan unuecon*. Tiun rolon plenumas la kreskanta literaturo kaj la vastiĝanta uzo de la lingvo sur diversaj kampoj. Siavice, la ampleksiĝo de la praktikaj aplikoj de la lingvo entenas danĝerojn por la lingvounueco. En tiaj kondiĉoj la rolo de la Akademio de Esperanto ekde la komenco rekonita de ĉiuj kiel la supera lingva instanco fariĝas eĉ pli grava ol antaŭe. *Tial, la plej rigora observado de la decidoj kaj rekomendoj de la Akademio estas antaŭkondiĉo por ĉia ajn sukcesa laboro por la Internacia Lingvo*. Atakoj kontraŭ la aŭtoritato de la Akademio kiel tia, aŭ misprezentoj de ĝiaj unuopaj decidoj aŭ rekomendoj aŭ atencoj al la digno kaj scienca reputacio de ĝiaj membroj, estas forte kondamnindaj kiel rekta sabotado de la laboro por la Internacia Lingvo».



Malfermo de I. S. U., Prof. D-ro. Miguel Sancho Izquierdo malfermas la Internacian Someran Universitaton.



Sub la gvidado de Majstro Borobia, «Coral Zaragoza» briligis la Kongreson pere de belega koncerto de hispanaj kantoj en Esperanto.

Posttagmeze je la 4-a horo okazis samtempe pluraj kunsidoj: De «Semajno de Internacia Amikeco», de «Internacia Ligo de Esp. Instruistoj», de «Internacio de Militrezistantoj», de «Kvakera Esperantista Societo» kaj «Instituto por Oficialigo de Esperanto».

Je la 5-a, Katolika Diservo, je la 6-a Evangelia Diservo. Je la 7-a Inaŭguro de Internacia Somera Universitato kun prelego de D-ro. Ivo Lapenna pri la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj. Ĉeestis pli ol 400 personoj. Je la 7,30-a okazis la Hispana Vespero en la Aŭditorio de la Ministrejo de Informado kaj Turismo, kun ĉirkaŭ 800 ĉeestantoj. La «Coral Zaragoza» (ĥoro), kun siaj ĉ. 50 gekantistoj, kiujn direktas Majstro Jozefo Borobia, prezentis en Esperanto la ĉarmon de siaj voĉoj, la agordecon de sia kantado, la harmonian rezulton de siaj miksitaj voĉoj alterne ondantaj, plektiĝantaj, sekvantaj unu la alian...

Por la esperantistoj, tiu koncerto en Esperanto estis granda plezuro, vera ĝuo; tial je la 10-a horo ripetiĝis la prezentado antaŭ plinombriĝintaj ĉeestantoj. Granda florbukedo premiis la ensemblon de Majstro Borobia, kaj unue D-ro. Herrero, kaj due S-ro. Wensing, vicprezidanto de U. E. A. iris sur la estradon gratuli per tre afablaj vortoj S-ron. Borobia kaj ankaŭ la subskribinton pro liaj traduko kaj prezentado. Ĉar tiu koncerto estis surbendigita, estus dezirinde ke oni povu akiri ĝin.

Nun mi rakontu anekdoton. Dum unu el niaj naciaj kongresoj mi ekkonis francon al kiu mi «antaŭdiris» la probablan evoluon de la franca politiko. Rekontinte lin en Madrido, mi diris ŝerce al li: «Ha, vi povis konstati ke mi estas PROFETO!»

Aŭdinte la koncerton, li venis decide al mi, kaj rebate argumentis: «Vi diris, ke vi estas PROFETO, sed vi tro metis du literojn, ĉar vi estas PrOfETO».

*Lundon la 5-an de Aŭgusto.* — Je la 9,30-a okazis la Generala Kunveno de U. E. A. prezidate de S-ro. Wensing. Unue oni honoris la prezidanton de U. E. A. Prof. Lapenna pro lia 30-jara estraraneco. Sekve li prelegis pri «Kulturaj rajtoj kaj lingva diskriminacio». Efektive, regas potenculoj, la grandaj lingvoj glutas la malgrandajn; kaj la rajtoj por plenumiĝo bezonas konsenton de la fortuloj.

En la kadro de Internacia Somera Universitato, prelegis Profesorino Conterno pri siaj esploroj pri la familio Gonzaga de Nevers (17-a j.c.). Kvankam tre speciala temo pri historiaĵo, ĝi estis interesa. Prof-ino. Conterno parolas tre klare, tre korekte, kaj mi povas nur bedaŭri ke tiel malmulte da kongresanoj iras aŭskulti la kleran parolon de niaj eminentuloj. Publike oni emfazis ke la lingva nivelo estas malalta, sed certe pli malalta estas la deziro lerni; kaj se vi dubas, demandu al la nombraj personoj kiuj kutime brue babilas ekster —sed apud— la prelegejo, kie multaj seĝoj vakas.



**Dum la Oficala Balo**

Per du aŭtobusoj ĉ. 100 kongresanoj veturis tra Madrido kaj vizitis la renoman Prado-muzeon kaj la mirigan Reĝan Palacon. Iu samideano tradukis la parolon de profesia hispana gvidistino.

Kunsidis aparte juristoj, fervojistoj, junuloj, medicinistoj.

Je la 17-a h. S-ro. Dupuis faris sian prelego-koncerton kun lumbildoj pri «Festo Tago en Parizo». Tre bone! Sed ĉu ne strange veni al Madrido kaj aŭdi prelegon pri Parizo?

Nova prelego de Prof. Juan Régulo pri la «Fajfa lingvo de la Gomera» surprizis nin pro la ekzisto kaj konsisto de tiu kurioza parolmaniero, kies detalojn li rivelis al ni precize kaj kompetente.

Antaŭ ol finiĝis la tago, okazis la ĉiam sukcesa (malgraŭ la prezeto) Oficiala Bankedo en Hotel Plaza. La fortika kaj ĉiam vigla S-ro. Jaumotte starante parolis al ni pri la meritoj, oferoj kaj kapablo de Prof. Lapenna, prezidanto de U. E. A., al kiu li petas ke li pluprezidu, plugvidu nian mondan movadon malgraŭ sia 30-jara estraraneco. Tiucele li tostas kaj la tuta ĉeestantaro stariĝis aklame.

Fine, restis la tuta nokto por la Oficiala Balo en Círculo de Bellas Artes, kie junuloj kaj maljunuloj prude (aŭ peke!) digestis manĝon kaj vinon per svingiĝo, skuiĝo kaj am-uziĝo ĝis la 3-a h. matene, laŭ la takto de moderna dancado.

*Mardon la 6-an de Aŭgusto.* — En la kadro de I. S. U. prelegis la prezidanto de nia Akademio Prof. G. Waringhien pri la temo «Hispanujo en la spegulo de la franca teatro». El literatura vidpunkto, interesega prelego, per kiu evidentiĝis ke Hispanujo esis ia minejo el kiu la franca literaturo eltiris multe da materialo.

Aparte okazis kunsidoj de kristanoj, foto-film amatoroj, sciencistoj, U.E.A.-komitatanoj, geografoj, skoltoj kaj katolikoj. Kelkaj el tiuj kunsidoj okazis en la sama tempo de la prelego, kio nepre deprenis prelegaŭdantojn.

Interesa prelego estis ankaŭ tiu de Prof. Inĝ. Oto Pancer pri «La homaro povus pli racie uzi la naturajn faktorojn por la evoluo de agrikulturo kaj hortikulturo». Kiam oni tiel multe parolas pri la malsato en la mondo, la ideoj de D-ro. Pancer estas nepre aplikindaj!

Ankaŭ prelegis kun lumbildoj S-ro. Tibor Sekelj pri tiu mondoparto ne tre konata de okcidentanoj «De Istambul ĝis Pekino».

Je la 20,30-a, okazis la Oficiala Akcepto en unu el la fakoj de Parko «Retiro». La Madrida Vicurbestro, verkisto S-ro Jesús Suevos salutis la kongresanojn, kaj parolante pri Esperanto li diris tre trafajn vortojn. Li pruvis, ke li estas ĝuste priinformita pri la rolo de la Internacia Lingvo. Bonvenigante nin li anoncis, ke Madrido atendas la tujan naskiĝon de la 3-miliona loĝanto.



Oficiala Akcepto en la parko «El Retiro». De maldekstre: S-ro. Jaumotte, Prof. Sancho Izquierdo, Prof. Lapenna, D-ro. Herrero, la vicurbestro de Madrid S-ro. Suevos, S-ro. Wensing kaj S-ro. Becker.



Internacia Arta Teatro. Sceno de «Analfabeto». De maldekstre sidas: Vlado Kovačic (Sinjoro Miki), Jure Lipovac (distriktestro) kaj Mladen Serment (Sinjoro Sveto).

D-ro Ivo Lapenna respondis al li en la nomo de la kongresanoj, kaj japana samideano transdonis al la vicurbestro saluton kaj donacon de Nagoja, japana urbo kun 2 milionoj da loĝantoj. Sekvis regalo en la bela, luksa ĝardeno, kie servistoj per pladoj abunde garnitaj oferis por frando al ni kuketojn kaj trinkon.

Finiĝis la tagprogramo per teatra prezentado en Teatro de la Zarzuela. Oni prezentis tri pecojn: Malfacila Elekto, Bela Indiferentulo, Analfabeto; tiu-ĉi lasta, tre ridiga satiro. Mian gratulan manpremon al rolintoj Srdjan Flego, Jana Ravŝelj, Jure Lipovac, Vlado Kovaĉiĉ, Mladen Ŝerment, Ljiljana Gener, Nevenka Imbert kaj Jurica Gabriŝa; kaj al tradukintoj S-roj Roger Bernard kaj Boĵidar Trudiĉ. Ni reiris hejmen kun bela impreso…

*Merkredon la 7-an de Aŭgusto.* — La denseco de la programo malplenigas la salonojn. Samtempe, je la 9,30-a kunsidis aparte arkitektoj, aŭtomobilistoj, instruistoj, katolikoj, pacmovad-istoj kaj akademianoj; kaj okazas la Oratora Konkurso kun, malgraŭ tio, ĉ. 120 personoj. Partoprenis 5 konkursantoj el 5 landoj, kaj post malfacila juĝo, la unuan premion ricevis S-ro Hans Michael Maitzen (Aŭstrujo), la duan S-ro David Kelso (Britujo) kaj la trian S-ro Robert Lloancy (Francujo). Ni sekvis atente la konkursadon kaj ni opinias ke la juĝo estis justa.

Kun plezuro ni aŭdis la prelegon de S-ro Lajos Lesznai pri la hungara popolkanto, kiun li ilustris per sonbendo. Kiel bone lerni rekte de fakulo faktojn pri kiuj oni ofte misinstruas alilande!

Posttagmeze je la 4-a kunsidis samtempe filatelistoj, Intersten-istoj juristoj, kaj psikistoj. La ĝeneralan interesiĝon pri la psikaj fenomenoj evidentigas la fakto, ke kiam S-ro H. W. Holmes prelegis pri «Telepatio kaj aliaj psikaj fenomenoj» la ĉambro estis tute plena.

Ankaŭ samhore okazis la Belartaj Konkursoj. Estis juĝitaj 111 konkursaĵoj de 38 aŭtoroj el 18 landoj. En la branĉo. «Originala Poezio» nia klera samideano el Manresa S-ro Gabriel Mora i Arana gajnis la 2-an premion pro la verko «Tri Nudaĵoj de Mondigliani», kaj ricevis laŭdan mencion pro la verko «Esperkanto». Li mem legis al ni siajn verkojn. Ni esperu ke li ne haltos sed plu rikoltos premiojn!

*Jaŭdon la 8-an de Aŭgusto.* — Ni lasis la salonojn por veturi al fame konataj, tre belaj lokoj de Hispanujo. Okazis tri ekskursoj: 1, al Escorial, Valle de los Caidos. 2, al Avila, Segovia, La Granja. 3, al Toledo. La kongresanoj en 13 aŭtobusoj ekkonis la teron de la kerno de Hispanujo, antaŭ ol ili atingis la celon de sia vojaĝo. Mi partoprenis la 2-an.

Jen Avila, kies ĉirkaŭurba murego longa je 2500 m. impresas la vizitantojn. Urbo enmurigita! Avila, la urbo

plej alte situanta en Hispanujo (1130 metroj), la urbo, kie naskiĝis Sankta Teresa, kie katedralo, palacoj, monaĥejoj, preĝejoj, historiaj konstruaĵoj kiuj sume nombras ĉ. 40, altiras kaj mirigas la turistojn.

Jen Segovia, urbo de la impona romana akvedukto longa je 728 m., alta je 29 m. konsistanta el 118 arkaĵoj el ŝtonoj surmetitaj, kaj ankoraŭ nun kondukanta akvon kiel en tempo de la romanoj; urbo, kie palacoj, alkazaro, preĝejo al Sankta Marteno kaj ĉ. 20 vidindaĵoj tre gravaj instruas kaj ravas la vizitantojn.

Jen La Granja kun siaj valoregaj tapiŝoj kaj ĉarmaj ĝardenoj ampleksantaj 141 Hektarojn... Je la reveturo mi sentas ke mia avideco vidi kaj koni ĉion, kaŭzas ian misdigeston en la kapo pro la abundego, la troo da impresoj; sed ankoraŭ je la 22-a h. okazis la Libervola Teatra Prezentado en Teatro de la Zarzuela. «Taso da kafo» de Ivan Cankar, trad. el slovena de Srdjan Flego. «Homo kun la floro enbuŝe» de Luigi Pirandello, trd. el la itala de Srdjan Flego. «Maskerado», unuakta karnavala amludo de Miroslav Krlža. Rolis Srdjan Flego, Mladen Šerment, Juse Lipovac, Ingebarg Rovaciĉeviĉ. Ĉu ni reinsistu, ke la kongresanoj devas plenigi la salonojn, kie nia Teatro vivigas kaj naturigas la Internacian Lingvon?

*Vendredon la 9-an de Aŭgusto.* — Komenciĝas la tago per prelego de D-ro H. Tonkin pri «La angla renesanco kaj ĝia poezio». Li klarigis la teorion de la poezio en la angla renesanco kaj traktis poemojn aperintajn esperante en Angla Antologio. Interalie li parolis pri la hispana influo en la angla literaturo.

Okazis la Generala Kunveno de U. E. A. kun partopreno de 250 personoj, kaj posttagmeze la Kunsido de U.E.A.-Komitato kun partopreno de 40 komitatanoj.

La firmo FIAT prezentis 2 filmojn kolorajn elektitajn inter la 5 filmoj eldonitaj en Esperanto. Ĉeestis ĉ. 300 personoj.

I. S. U. Prelegis kun diapozitivoj Prof. V. Peevski pri «Nuntempaj metodoj por kreado de planoj kaj kartoj». Tute speciala, scienca temo, kaj tial mi varme gratulas Prof. Peevski pro lia kontribuo al scienca riĉigo de Esperanto.

Je la 21,30-a okazis la Arta Vespero en Teatro de la Zarzuela. Oni ludis la verkon «Maneken-parado» de Marjorie Boulton. Rolis Jana Ravŝelj kaj Srdjan Flego.

Nikolaj Rytjkov deklamis omaĝe al Maksim Gorkij, kaj prezentis du monologojn el unu dramo lia. Sekvis «Poemo en Prozo» de Aleksandr Solĵenieyn, «Anasido» kaj li finis per Balado de K. Kalocsay. S-inoj Ramona van Dalsem kaj Sirkka Lehtivaara kiujn akompanis respektive Toos Schoonman kaj S-ro Ronald Dupuis, ĉarmis la publikon per siaj altnivelaj kantoj. S-ro Roland Dupuis ludis apartan rolon per sia fortepiana arto.

Je la 19,30-a, en la Aŭditorio de la Ministrejo de Informado kaj Turismo okazis koncerto de hispana muziko dediĉita al la kongresanoj. Direktis la Sinfonian Orkestron de la Radio kaj Televido Hispana, S-ro Odón Alonso. La altan kvaliton de la koncerto mi tute ne bezonas emfazi.

*Sabaton la 10-an de Aŭgusto.* — Je la 9,30-a en tute plena salono okazis la Solena Fermo. Prof. Ivo Lapenna, prezidanto de U. E. A. malfermis la kunsidon kaj anoncis ke unu el la Honoraj Prezidantoj de U. E. A. S-ro Hans Kürsteiner, mortis. Omaĝe al li oni silentis dum unu minuto. Al la alia Honora Prezidanto, S-ro Malgrem oni aplaŭde decidis sendi saluttelegramon.

La lasta Kongreskunsido estas nature destinita al konkludoj, resumoj, projektoj, decidoj k.a.: La Pola Radio komencos fari en aŭtuno tri elsendojn duonhorajn ĉiutage en Esperanto; tial ni (la publiko) skribu de tempo al tempo kun danko al elsendejoj por kuraĝigo. Por la Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto, kolektiĝis jam preskaŭ 2000 promesoj aĉeti ĝin. Prof. Ivo Lapenna ne eksiĝas, sed plu direktos nian Universalan Asocion. S-ro Jaumotte zorgos pri la fako Aŭtomobilismo. D-ro Sadler okupiĝos pri la Landaj kaj Fakaj Asocioj. S-ro Carlen zorgos pri la Semajno de Internacia Amikeco okazonta por la unua fojo en proksima Februaro. La Universala Kongreso en 1972-a j. okazos en Portland (Usono). La Komitato de U. E. A. akceptis la Fundamentajn Tezojn ellaboritajn de Prof. Lapenna kaj la Raporton de C. E. D. La 10-an de Decembro aperos la nuna numero de «La monda lingvo-problemo». La Asocia kapitalo kreskis 60 %. Pli junaj homoj estos akceptitaj en la Komitato de U. E. A. Prof. Ivo Lapenna, kiel persono kiu multon faris por la Homaj Rajtoj, estos proponita al premio de Unuiĝintaj Nacioj. F-ino M. H. Vermaas estas nun nova Honora Membro de U. E. A. pro siaj meritoj kaj pe-

nado. Ŝi de nun zorgas pri la fondaĵo «Hektor Hodler», por kiu estas jam kolektitaj 105.000 guldenoj.

La Prezidanto kore dankis al la membroj de la L. K.K. pro ilia granda penado, kaj reliefigis la nomojn de Prof. Miguel Sancho Izquierdo kaj F-ino Inés Gastón.

«Per Unueco al pluaj sukcesoj!» Sonis kun tondra aplaŭdado. Kaj... ĝis la revido en Helsinki!

*Salvador Gumá*



Prof. Miguel Sancho Izquierdo transdonas la kongresan flagon al la reprezentantoj de la venontjara kongreso en Helsinki: finna fraŭlino en nacia kostumo kaj S-ro. Narvala, prezidanto de la L. K. K.

## KONGRESAJ MEMORAĴOJ

Kiel memoraĵo de la 53-a U. K., estis eldonitaj bulkrajonoj (bolígrafos) kaj plurkoloraj bildkartoj pri Madrid kun teksto ankaŭ en Esperanto. Bedaŭrinde restis ne venditaj preskaŭ 3.000 bildkartoj kaj pli ol 600 bulkrajonoj.

Konsciante ke tio prezentis komplikaĵon por la organiza asocio, kaj konvinkite ke la hispanaj esperantistoj deziras helpi al U. E. A., ni aĉetis por H. E. F. la tutan stokon de ambaŭ memoraĵoj, por disvendi ilin inter ĝiaj membroj.

Jen la prezoj:

Bulkrajono (bolígrafo), unu ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 15,— Ptas.
Bildkartoj (dek diversaj) ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 30,— »

Ĝis la jarfino favoraj prezoj laŭ la kvanto mendita:
Bulkrajonoj: 10, 10 % rabato; 25, 15 % rabato; 50, 20 % rabato.
Bildkartoj: 50, 1/6 rabato; 100, 1/3 rabato.

# POSTKONGRESO en ZARAGOZA

Malfacila tasko estas raporti pri io organizita de ni mem. Do, mi nur priskribos la diversajn aranĝojn.

11.8. — Ni forlasis Madridon matene, por alveni al Zaragoza je la 10-a vespere, vizitinte la Ŝtonan Monaĥejon «Monasterio de Piedra», unu el la plej reprezentantaj ekzemploj de la transiro de la Arto «Cister-a» al la Gotika. Pri ĝia parko, kies naturaj pejzaĵoj kaj kaskadoj estas de beleco nekomparebla, ne estas necese paroli, preskaŭ ĉiu el vi, konas ĝin; en ĝi malgraŭ la paso de la tempo kaj la civilizacio, ankoraŭ vivas la sento de romantika amo, kiel tiu sentita de Lucía kaj Ramón, laŭ legendo de la XII-a jarcento. Li estis Ramón Berenguer —kiel Reĝo, Alfonso la II-a de Aragón kaj la I-a de Katalunujo— kiu post la morto de Lucía, edziĝis al Doña Sancha de Kastilja.

Post la vizito de Ŝtona Monaĥejo, antaŭ ol alveni al Zaragoza, ni haltis en Calatayud (Kalatajud), grava urbo en la valo de rivero Jalón. En la arabaj tempoj, «Calat Ayub» anstataŭis la iberan kaj romanidan Bilbilis, patrolando de MARCIAL.

12.8. — Okazis tuttaga ekskurso tra la t. n. «Vojo de Bécquer» (Gustavo Adolfo Bécquer, plej famkonata kaj amata poeto en Hispanujo, naskiĝinta en Sevilja je la jaro 1836-a).

Veruela, Tarazona, Tudela...



«Banejo de Diana» kaj kaskado «Kaprica»

Ni komencis la ekskurson inverse ol nia poeto trairis la «Vojon» Kial? Je la fino vi komprenos la kaŭzon.

Unu el la plej gravaj monumentoj de la provinco estas la Cister-a monaĥejo Veruela, fondita de Pedro de Atarés en la jaro 1171-a, kaj kiu nuntempe estas



Kelkaj esperantistoj en la klostro de Monaĥejo Veruela

novicejo de Jezuitoj. Tie ni estis akceptitaj de la Patro Prioro kaj aliaj Patroj; unu el ili montris al ni la Monaĥejon kaj rakontis al ni la diversajn epokojn de ĝia historio.

Veruela kaj ĝia serena pejzaĵo je la piedo de Moncayo, invitas al korpa kvieto kaj al spirita paco. Nia poeto sin direktis al Veruela kun la espero reakiri siajn fortojn per la sanigaj ventoj de Moncayo, sed li, tiom kiom la fizikajn fortojn, bezonis reakiri la spiritan pacon, kaj, tion donis al li la monaĥejo tiam forlasita de siaj blankaj monaĥoj, tion trovis Bécquer en la valo Veruela...

Je la fino de la vizito, la Patroj regalis nin per vino el la valo, kaj per likvoro farita de ili pere de herboj de l' Moncayo.

Ĉar ni restis en Veruela pli longe ol antaŭvidite, ni rezignis supreniri ĝis la pinto de Moncayo (2316 m.), kaj pluveturis ĝis Tarazona, la ibera Turiaso, kiu estas unu el la plej interesaj mudeharaj urboj el Aragón. Antaŭ la pordo de la Katedralo akceptis nin reprezentantoj de la urbokonsilantaro kaj la oficiala kronikisto de la urbo. Vizitinte la Katedralon de la dekdua jarcento —Nacia Monumento—, kiu estas templo, kie la gotika arto intermiksiĝas kaj mirige sin kunordigas kun la Mudehara kaj aliaj diversaj artostiloj, ni vizitis —ĉiam akompanate de la Vicurbestro kaj ceteraj oficialaj reprezentantoj—, la urbon; tiun urbon, kiu ankoraŭ konservas pitoreskajn ege mallarĝajn stratetojn, pendantajn konstruaĵojn, arkaĵetojn, palacojn, preĝejojn, murblazonojn... tiun urbon kies detalojn prezentas al ni en siaj «Leteroj», la sevilja poeto.

Alveninte al la Urbodomo akceptis nin la Urbestro, kiu post kelkaj bonvenigaj vortoj regalis nin per abunda kaj samtempe delikata lunĉo. Nia Prezidanto Prof. D-ro Miguel Sancho Izquierdo dankis al la Urbestro lian afablan akcepton, kaj kelkaj eksterlandanoj tostis kun la Urbestro por la sukceso de Esperanto.

Antaŭ la Urbodomo, kelkaj fotoj estis faritaj. Tuj poste ni iris en modernan restoracion por tagmanĝi tipajn regionajn manĝojn.

Je la 6-a vespere ni alvenis al Tudela (Navarra regiono) kien je la jaro 1864-a alvenis Bécquer, kaj de kie li daŭrigis vojaĝon tra Tarazona al Veruela.

Antaŭ la Urbodomo atendis nin la Vicurbestro akompanate de la Sekretario, la Delegito de Popola Kulturo kaj Bibliotekoj kaj la Oficiala Kronikisto de la urbo, kiuj bonveniginte kaj salutinte la postkongresanojn, akompanis



Antaŭ la Urbodomo, la Urbestro de Tarazona pozas kun la postkongresanoj

ilin tra la urbo, riĉa je arto kaj historio kaj samtempe moderna kaj progresanta.

En la Katedralo, Infana Ĥoro regalis nin per belaj religiaj tipaj kanzonoj el diversaj hispanaj regionoj. Post la vizito de la urbo, niaj akompanantoj invitis nin, en kafejo, per refreŝigaĵoj, kaj... en la placo aperis la trupo de «Chiquidantzaris» kiuj tipe vestitaj, akompanataj de la sono de «Chistu» kaj tambureto marŝis dancante ĝis «Castel-Ruiz», kie okazis folklora prezentado.

La Delegito pri Popola Kulturo prezentis kaj klarigis la diversajn dancojn; prezentado kaj klarigo estis tradukitaj en Esperanton. La gajeco de la folkloro de nia najbara regiono tuj kaptis la animon de niaj samideanoj kiuj per varmaj aplaŭdoj elmontris sian entuziasmon. Por la fino «Coral Gaztambide» kantis unu «Habanera», per kiu pasintjare ĝi gajnis duan premion en Internacia Konkurso.

Tiu folklora prezentado estis la kaŭzo, kial ni trairis la «Vojon» inverse ol Bécquer trairis ĝin.

Je la 11-a nokte ni revenis al Zaragoza.

Neniam kostis al mi tiom da tempo kaj tiom da vortoj enbusigi personojn.

13.8. — Matene, pere de aŭtobusoj, ni plenumis la artan viziton de la urbo. Zaragoza estas sufiĉe konata kaj ne estas necese ke mi priskribu la viziton:

Palacoj de Luna, La Lonja, La Aljafería... Turo La Zuda, Romanikaj Muregoj, Katedraloj: El Pilar kaj La Seo...

Tagmeze, vizitinte la Urbodomon —nova kaj belega konstruaĵo—, ni estis akceptitaj de la Vicurbestro de Zaragoza, kiu bonvenigis la esperantistojn nome de la Urbo. Li diris ke Zaragoza estas urbo esperantista, de ĉiam regas ĝin la Espero; espero en la fido kaj en la unueco. Krome, —li diris— Don Miguel Sancho Izquierdo estas zaragozano.

S-ro Parra deziris ke estu Esperanto la lingvo per kiu ĉiuj popoloj facile interkompreniĝu kaj finis sian paroladeton per bonvenigaj vortoj en Esperanto.

Krom nia Prezidanto, respondis al la Vicurbestro nome de ĉiuj eksterlandanoj S-ro Lesznai Lajos el Hungarujo.

Tuj sekve, tra subtera vojo ni translokiĝis al apuda palaco La Lonja, kie la Urbokonsilantaro regalis nin per lunĉo.

Estis preskaŭ la 3-a posttagmeze kiam ni reiris al niaj loĝejoj.

Kiel anoncite je la 7,30-a vespere okazis Arta Folklora Prezentado en la Sa-



En belega korto la postkongresanoj ĝuas la belecon de la folkloro Navarra-a en Tudela

En la urbodomo de Zaragoza la Vicurbestro S-ro. Parra (dua dekstre) bonvenigis al la esperantistoj

lono de «Centro Mercantil». Gi konsistis el pecoj de «Zarzuelas» prezentantaj popolajn dancojn de hispanaj regionoj. La beleco de niaj dancoj kaj la eksterordinara prezentado fare de la dancantoj (Grupo de baleto apartenanta al la Sindikata Organizo pri Klerigo kaj Ripozigo) entuziasmigis la ĉeestantojn kiuj premiis la artistojn per varmaj aplaŭdoj.

14.8. — Tuttaga ekskurso al la Pyrene-a Montaro.

Post mallonga haltado en Huesca, ni atingis Hecho-n je la 11-a. Ĉe la sojlo de la vilaĝo akceptis nin la Urbestro kaj ceteraj Aŭtoritatuloj, grupo da gejunuloj tipe vestitaj kaj... kompreneble, turistoj kaj vilaĝanoj.

Post la kutimaj salutvortoj, ni translokiĝis piede ĝis placo de Conde Xiquena, kie antaŭ la Urbodomo okazis Folklora Prezentado. La «Jota de Hecho» estas tute malsama ol tiu de Zaragoza kaj de la malsupra Aragón. La danco estas sobra, milda, nekomplika, eble ĝi akordas kun la psikologio de la loĝantoj de tiu alta parto de la regiono, kampeca kaj dura, kaj samtempe, milda, pacema kaj patriarka.

Survoje al arbaro «Oza», ni haltis en Siresa por admiri la Monaĥejon dediĉitan al Sankta Petro, de visigota tra-



«El Barberillo de Lavapiés» Madrida danco



**En Hecho la gejunuloj tipe vestitaj, atendis la postkongresanojn. Jen juna paro kun denaske esperantistino**

dicio. Fine ni alvenis al Oza, kie ĉiuj ĝuis antaŭ la impona beleco de la pejzaĝo.

La gvidantoj de la ĵus inaŭgurita Kampadejo pretigis tablojn por ke ni povu komforte kaj liberaere tagmanĝi la tipajn manĝojn de la ŝafgardistoj. De nia alveno al Hecho, vere familia sento regis la ekskurson; sento kiu atingis sian kulminon kiam post la tagmanĝo, geedzoj Gastón-Nicolás pere de siaj gitaroj kaj gajaj kantoj decidigis la ĉeestantojn kuniĝi al ilia kantado kaj fine preskaŭ ĉiuj kantis aŭ dancis laŭdezire.

De nun la esperantista flago flirtados super la Oza-kampadejo.

Denove post mallonga haltado en Huesca, je la 10-a vespere ni alvenis al Zaragoza.

15.8. — Matene, turisme ni trairis la urbon kaj la belan parkon; je la 11-a ni estis akceptitaj en Kampara Domo de COGULLADA, de la Direktoro, profesoroj, funkciuloj de la Institucio kaj Delegito de la Ŝparkaso de Zaragoza. Ĝi estis malnova Monaĥejo fondita en la jaro 1657 apud la preĝejo dediĉita al Nia Sinjorino de Cogullada, konstruita en la jaro 637. Nuntempe la monaĥejo apartenas al la Ŝparkaso de Zaragoza, Aragón kaj Rioja, kiu starigis tiun lernejon pri agrikulturo. Vizitinte ĝin, la postkongresanoj estis regalitaj per lunĉo.

Vespere la postkongresanoj vizitis la sidejon de la veterana Esperanto-Grupo FRATECO kaj je la 21-a per aŭtobusoj translokiĝis al tipa restoracio «EL CACHIRULO», kie okazis bankedo, kaj finiĝis la vesperkunveno (kiu daŭris ĝis post noktomezo) per JOTA-a Festivalo fare de la trupo apartenanta al la Sindikata Organizo pri Klerigo kaj Ripozigo. La JOTA de Zaragoza estas de ĉiuj konata; pri la trupo mi povas diri ke ĝi estas unuaranga. Do, vi povas kompreni ke la Festivalo plene sukcesis.

La reveturo al Zaragoza ne estis gaja; ĉiuj pensis pri la disiĝo... la vorton «adiaŭ» ni ne ŝatas, ni preferas diri: Ĝis revido. Kiam? Kie? Eble denove en nia lando; ĉiujare Hispana Esperanto-Federacio organizas Nacian Esperanto-Kongreson kaj ni estas tre kontentaj kiam eksterlandanoj akompanas nin. Venontjare, nia Kongreso okazos je la komenco de Julio, en La Laguna (Tenerife), ĝi estos bona okazo por viziti eldonejon STAFETO kaj... la kanariajn insulojn.



**La impona beleco de Oza surprizigis al niaj samideanoj**

16.8. — Matene, grupeto da postkongresanoj reiris al Madrid, kien ili alvenis je la 6-a vespere post haltado en Medinaceli por tagmanĝi en la «Albergue Nacional de Carreteras».

Dum tiuj tagoj ni havis je nia dispono la Kafej-Salonon de Radio Zaragoza, en Pasejo PALAFOX.

Pri la sukceso de la Postkongreso ni ne povas dubi; same la Aŭtoritatuloj, kiuj akceptis nin en urboj, urbetoj aŭ vilaĝoj vizititaj, kiel la popolo kaj la organizintoj de la aranĝo restis kontentaj kaj rememoras kun simpatio la afablecon de niaj vizitintoj.

Rilate al la partoprenintoj, kion diri? Ke ili estis kaj restis kontentaj pruvas la leteroj ricevitaj:

En Heroldo de Esperanto, Mag. I. Dratwer komencas sian raporton per jenaj vortoj: «La Postkongreso en Zaragoza sendube estis unu el la plej bone organizitaj kaj sukcesintaj aranĝoj de la 53-a Universala Kongreso».

Multaj aliaj samideanoj skribis:

«...Post mia reiro hejmen mi deziras esprimi al vi mian kontentecon pri la postkongreso en Zaragoza kiun vi tiel bone starigis. Kun multaj aliaj samideanoj ni vivis en Esperantujo dum la belegaj ekskursoj. Ĉie ni ĝuis pri afabla akcepto.

...... . ......................

Miaj dankoj iras ankaŭ al D-ro Miguel Sancho Izquierdo kiu ĉiam vigle kaj tiel afable partoprenis ĉiun aranĝon.

Venontjare mi esperas partopreni la hispanan kongreson en La Laguna. Kompreneble estas tro frue por aserti tion sed estus kun granda plezuro ke mi revidus la hispanajn samideanojn ĉefe tiujn de via klubo al kiu mi petas vin transdoni miajn salutojn.»

«Reveninte hejmen plenumas la agrablan devon por danki precipe vin kaj viajn kunlaborantojn por ĉio, kion vi preparis dum la Postkongreso en Zaragoza. Mi estas tre kontenta de ĉiu tagprogramo, kaj mi opinias ke ĉiuj par-



Dum la lunĉo en «Casa rural de Cogullada», nia samideano S. Gumá energie klarigas...ion



**La organikintoj de la Postkongreso regalis la postkongresanojn pere de Folklora Festo**

toprenintoj longe memoros tiun interesan kaj amuzan restadon kaj ĝiajn organizintojn...»

«...Neniam ni povos forgesi la Postkongreson en Zaragoza, tiel amuzan, kiu estis samtempe vera elmontro de popola kulturo.

Denove koran dankon...»

«Alian fojon — Mil dankojn pro la mirinda post-kongreso!!!»

«...sed esence la kongresoj estas similaj. Unu estas malpli bone preparita, aliaj estas pli bone preparitaj. La Kongreso en Madrido estas unu el la lastaj. Sed la postkongresa ekskurso. Tiu estas fiŝo de malsama rivereto. Ĝi estis verko perfekta. Ĉiam mi memoros ĝin. Mi ne scias kion da laboro vi elsparis por ĝi, sed mi scias ke vi laboris longe kaj dure.

...La vojaĝo al Navarra kaj Aragón donis al ni novan bildon de Hispanujo...»

Leginte tiujn paragrafojn eble vi pensos ke mi devas esti iomete fiera. Vi ne eraris. Jes, mi estas tre fiera, sed antaŭ ĉio, mi estas ege danka al ĉiuj samideanoj, kiuj per siaj vortoj kuraĝigis min plulaboradi.

*Inés Gastón*

## FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

La Federación Española de Esperanto celebró su Junta General Ordinaria el día 9 de agosto de 1968, con arreglo al orden del día previsto en la convocatoria.

Fueron aprobados los tres primeros puntos del mismo. En cuanto a la renovación de cargos prevista en el cuarto punto, quedó aplazada para más adelante.

Los ruegos y preguntas fueron muy animados ya que hubo numerosas intervenciones.

# Literatura Esperantista en España en el Año del Congreso

Este año 1968 que pasará a la historia del esperantismo español como el año del Congreso Universal, aparece igualmente marcado y en relación con tan magno acontecimiento, por una extraordinaria producción literaria, dejada aparte, en esta breve consideración, la labor constante y fecunda de la Editorial «Stafeto» regida por nuestro entrañable amigo y compañero Juan Régulo Pérez.

Quiero referirme en primer lugar —simple referencia, pues ya se publicó en BOLETIN el comentario correspondiente y yo me ocupé de ella en «El Noticiero»— de la novela «*Soleco*», de la eximia novelista Caterina Albert i Paradis que popularizó el seudónimo «Victor Catalá», traducida del catalán al esperanto por Josep Ventura i Freixas y adoptada como «*memoriga libro*» del Congreso.

Igualmente he de referirme a la pulcra traducción que Nicolás López Escartín hizo de la obra, mundialmente conocida, del fundador de «Opus Dei» Mons. José María Escrivá de Balaguer, «*Camino*» (*Vojo*, en Esperanto) que ya había sido traducida a 16 idiomas. Esperamos una recensión de esta obra a la que me complací en poner unas palabras a manera de prólogo.

Y venimos a una interesante publicación, aunque de pocas páginas, que contribuirá a dar a conocer aún más —sobre todo en países a cuyos idiomas no está traducido— al mejor humorista de su tiempo, W. Fernández Flórez. «*Filozofio de Fantomo*» es una pequeña muestra de este que fue destacado novelista, traducida por el también desaparecido Luis Hernández y publicada gracias a la generosidad de la familia del novelista.

Finalmente han visto la luz con muy poca diferencia de tiempo, dos obras de don Emilio Crespo Cano. De la primera, «*Babel*», muestra de las irregularidades y consiguiente dificultad que las actuales lenguas nacionales ofrecen, me ocupé yo, también, en «El Noticiero».

La segunda, titulada «*Iniciación al Esperanto, lengua internacional*», es una gramática dispuesta en cincuenta lecciones breves de un cuarto de hora cada una, en las que, además de ir enseñando la gramática, se va ampliando, con palabras relacionadas con lo estudiado, el vocabulario a disponer por el alumno.

Al reunir, con espíritu puramente informativo, estas notas, quiero, como Presidente de la Federación Española de Esperanto, felicitar a los autores y traductores y agradecerles su aportación a la bibliografía esperantista; gracias extensivas a cuantos con su ayuda facilitaron el que esto pudiera tener lugar.

M. SANCHO IZQUIERDO

# ESPERANTO EN RADIO

POLA RADIO. — Goje ni aŭskultis de S-ro Uŝpieński ke Pola Radio disaŭdigos en Esperanto trifoje tage. Nun, ni jam ricevis la novan programon kun informoj, kiuj validas de la monato oktobro 1968 ĝis la monato aprilo 1969. Koran dankon por la redaktoroj en Esperanto de Pola Radio kaj mian sinceran gratulon por la aŭskultantoj, inter kiuj mi estas.

---

RADIO ROMA. — Ankaŭ la redaktoro en Esperanto de Radio Roma, S-ro Minnaja, sendis al ni la programon por la monatoj novembro kaj decembro. Ankaŭ la programojn de Radio Roma, ni ĉiam aŭskultas plezure.

---

En Hispanujo estas du Radioj kiuj dissendas unu tagon semajne:
Lunde, Radio Valencia, de la 23,45 ĝis la 24-a, 278 m (1079 kHz);
ĵaŭde, Radio Bilbao, de la 00,05 ĝis la 00,30, 212 m (1412 kHz).
Nian koran dankon al la gvidantoj de Radioj Valencia kaj Bilbao.

# OMAĜO AL NIA EMINENTA PREZIDANTO PROF. DRO. MIGUEL SANCHO IZQUIERDO

Kiel anoncite, organizite de FRATECO okaze de la 60-a datreveno de ĝia fondo, la 9-an de aŭgusto okazis en Madrid, Vespermanĝo omaĝe al D-ro. Sancho Izquierdo.

Ne nur hispanaj samideanoj sed multaj alilandaj esperantistoj, entute ĉ. 300 partoprene aliĝis al tiu omaĝo, kiun la Esperanta Societo de Zaragoza dediĉis al sia Prezidanto.

Je la fino de la vespermanĝo S-ro. J. Benito, nome de la Zaragoza-aj esperantistoj dediĉis la omaĝon al D-ro. Sancho Izquierdo, pri kiu li diris: Ne estas necese ke mi reliefigu la meritojn de nia kara Prezidanto, vi ĉiuj konas lian sindonemon al nia interna ideo. Don Miguel, jam de la fondo de nia Esperanta Societo FRATECO estis kortuŝita de esperanta fajrero, kiu iom post iom aliiĝis en grandiozan bruladon kulminintan en lia plej kara revo, tio estas: La sukcesa soleno, en nia lando, de la 53-a Universala Kongreso de Esperanto.

S-ro. Benito transdonis al D-ro. Sancho Izquierdo arĝentan diplomon kiel ateston de nia omaĝo. La ĉeestantoj sumiĝis al la omaĝo per varmaj aplaŭdoj.

Per emociaj vortoj, D-ro. Sancho Izquierdo dankis la omaĝon, kiun li dediĉis al la fondintoj de FRATECO. Ankaŭ li estis varme aplaŭdita.

D-ro. Ivo Lapenna, kiu honoris nin ĉe la prezida tablo, alparolis al la ĉeestantoj, li estis tre aplaŭdita.

Tuj sekve S-ro. J. Benito diris:

Profitante la okazon, ni volas nur anonci alian proksiman omaĝon al F-inoj. Emilia kaj Inés Gastón Burillo, Sekretariinoj en frata kunlaboro de la Hispana Esperanto-Federacio kaj senlacaj Sekretariinoj de la L.K.K. de la 53-a U.K. de Esperanto.

Ne estas necese paroli pri ili; unue, ĉar ili estas sufiĉe konataj de la esperantistaro, due, ĉar ilia aragona karaktero, sincera, humana, rekta kaj nobla, ne akceptas facile eĉ la plej ĝustajn laŭdojn.

Post tiu anonco ni anticipe donas al ili, antaŭ nia esperanta familio, la arĝentan diplomon rememorigan.

Ege surprizite F-inoj Gastón ricevis la diplomon kaj kore dankis al siaj samklubanoj.

Post la finiĝo de la diversaj paroladetoj, okazis Folklora Prezentado fare de grava andaluzia grupo, kiu estis entuziasme aplaŭdita de la ĉeestantoj.

Antaŭ ol fini nian raporteton ni deziras danki al ĉiuj kiuj sumiĝis al la omaĝo



Prezida tablo

dediĉita al nia Prezidanto, speciale al Hispana Esperanto Aŭroro, kiu kun siaj ĉeestantoj al la 36-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj partoprenis la omaĝan vespermanĝon.

Kiel rememoro de la festo restas por ni la menuo de la vespermanĝo presita en cindrujoj.

*FRATECANO*



La Prezidanto de U. E. A. Dro. Lapenna kaj la Prezidanto de FRATECO kaj de H. E. F. Dro. Sancho Izquierdo, tostas

## PLENA ILUSTRITA VORTARO DE ESPERANTO

*Ĵus ni ricevis jenan cirkuleron:*

ELDONO DE PLENA ILUSTRITA VORTARO DE ESPERANTO

**30 septembro 1968**

*Cirkulero al la Promesintoj*

Kun plezuro ni informas vin, ke ni registris sufiĉan nombron de PROMESOJ por ek-entrepreni la presadon, en Britio, de P.I.V. La ĉefa aŭtoro, Profesoro WARINGHIEN mem portis la manuskripton al la presejo, por interkonsenti pri ĉiuj problemoj rilataj al la dispozicioj de la kompostaĵo. Krome ni transigis konsiderindan sumon, kiel partopagon difinitan de la presisto.

*VENIS DO LA MOMENTO sendi al ni la koston de la Vortaro,* nome 19 US $, 8 £ britaj, 95 fr. fr., 84 fr. sv., aŭ ekvivalento por ekzemplero.

Ni substrekas ke tiu favora prezo entenas la afranko de ekspedo en kartona skatolo registrita, kaj ke ĝi estas strikte rezervata al la anticipe pagantaj mendantoj. Tio signifas ke *ĉe la apero de la libro la definitiva vendo-prezo estos pli alta.*

---

Petu vian ekzemplaron tuj poŝtkarte al la LIBROSERVO de H.E.F. ĉe Inés Gastón (P.° Marina Moreno, 35, 4.° — ZARAGOZA) kiu jam mendis ekzempleron por vi.

# 24-a INTERNACIA JUNULARA KONGRESO DE T. E. J. O. TARRAGONO HISPANUJO

27 Julio - 3 Aŭgusto 1968




En la centro de la urbo granda atiŝo anoncas la Kongreso

Bela kaj agrabla okazintaĵo tiu de la nunjara Kongreso de TEJO, enkadrigita en mirinda urbo apud la «Mare Nostrum», kies privilegia situacio konsistigis veran ĝuon kaj regalon por la internacia esperantista junularo kiu plene sciis altiri la ĝeneralan atenton kaj intereson de la aŭtoritatuloj dank' al la simpatio inspirita dum la plena elvolviĝo de la programo.

La kontakto inter la junaj kongresanoj —en kies vicoj troviĝis graciaj kaj modernaj junulinoj— kaj la urba loĝantaro estiĝis reala kaj efektiva, faktoro kontribuinta al aŭtentika klimato de akcepto kaj komprenemo, kiu forte instigus ĉiujn por lojala dialogado sur la esperantisma tereno kaj ties celoj.

Sentroige oni povas aldoni ke la sindonemo estis tuta kaj promesplena kaj pro tio la kongreso aperis kiel kombino de amuzoj, distroj, kunsidoj, laboroj kaj vizitoj, bona koktelo por kontentigi, kiel eble plej bone, la emojn kaj dezirojn de la partoprenintoj. Kompreneble, ĉiam prezentiĝas okazaĵoj maldolĉigantaj niajn karajn revojn.

Kiel eta resumo de la kongreso, jen kelkaj faktoj kaj solenaĵoj laŭ ne strikta ordo:

AKCEPTOJ. — La Colegio Menor de Juventudes «San Jorge», estis la kongresejo en kiu oni akceptis la gekongresanojn, kaj disdonis la koncernajn dokumentarojn, temas pri konstruaĵo de modernaj linioj kaj perspektivoj en kiu okazis ĉiu specifa programero de la kongreso, ekde la interkona vespero ĝis la fermo de nia evento.

La oficiala akceptado okazis en la Urbodomo kaj partoprenis ĝin, la civilaj, militistaj kaj religiaj aŭtoritatuloj de Tarragono.

S-ro Calvet, unua instruada inspektoro klarigis al la aŭtoritatuloj la historion kaj celojn de Esperanto kaj neceson de internacia lingvo kiel instrumento de tutmonda kunlaborado kaj pacigo de la homaro. Lia interveno estis varme aplaŭdata.

Gratulis lin S-ro. Ricardo Villar, urbestra moŝto, per sinceraj kaj kortuŝaj vortoj kaj bondeziroj de sukceso kaj disvastiĝo de nia lingvo.

Sekve, S-ro Günter Becker, honora prezidanto de TEJO, prezentis la esperantista junularon per trafaj kaj adekvataj esprimoj kaj kore dankis la urbestron pro la ĝentila akceptado kaj manifestis ke ili neniam forgesos sian restadon en Tarragono, urbo tiel simpatia kaj gastema.

Oni poste invitis la esperantistaron alpaŝi al apuda vasta salono por gustumi dolĉaĵojn kaj trinkaĵojn en aminda kaj sincera familieco. Tioma diversa partoprenado de eksterlandaj esperantistoj parolantaj unu saman komunan lingvon kaŭzis fortan impakton en la koron de niaj gastigantoj, admiritaj kaj surprizitaj de la facila lingva interkompreniĝo, kio kreis veran etoson.

INAŬGURO. — Grava ero de la kongreso estis la inaŭguro en Tarragono de strato al D-ro L. Zamenhof per ceramikaĵo sur muro. Ĉeestis S-ro Ricardo Vilar, urbestra moŝto, kiu per mallonga sed elokventa paroladeto tiris la kurteneton de la ceramikaĵo kaj sekve al-

donis: «Mi multe bedaŭras ke ni ne povas dediĉi al D-ro Zamenhof pli belan straton, ĉar vi devas scii ke Tarragono pro la speciala situacio de la urbo havas limigitan terenon kaj tio maltaciligas la vastiĝon de nia urbo».

Varmega aplaŭdado kronis la vortojn de la urbestro. Sekve oni kantis la esperantan himnon.

La ceramikaĵo estis donaco de Hispana Esperanto-Federacio.

DISERVO. — En la preĝejo Sankta Paŭlo okazis esperanta meso celebrita de Pastro Casanoves. Ĉar la kongreso estis Internacia, la liturgia teksto elektita estis Esperanto por la plej bona kompreno de la samideanoj. La prediko fare de la sama pastro emociigis nian spiriton pro la profundeco de la temo kaj ties klara elvolviĝo. Ĉeestis diversaj esperantistoj.

LABORKUNSIDOJ KAJ GENERALA KUNVENO DE TEJO. — En luksa salono de la «Casa de la Cultura» okazis la unua laborkunsido, en kiu, post la tradiciaj salutoj de la delegitoj el pluraj landoj, S-ro Günter Becker faris la Festprelegon. Per dokumentita kaj profunda kono parolante pri la «HOMAJ RAJTOJ», temo tre kara al U. E. A., li emfazis la gravan transcendon de ili por la homaro kaj rekomendis la aplikon de tiaj sociologiaj principoj. Oni bruege aplaŭdadis la belegan disertaĵon de la germana esperantisto.

En aliaj tagoj okazis alia komitata kunsido pri interesa kaj aktuala problemo kies ampleksiĝo daŭris en la Generala Kunveno de TEJO. Intensan diskutadon estigis la internacia junularo, ĉar la problemo postuladis sinceran agadon rilate la vivon mem de TEJO.

FILMO PROJEKCIO. — En la sama salono estis projekciita koloriĝita amatora filmo pri «Antonio Gaudí», fama arkitekturisto el Reus, farita de S-ro Bonet el Barcelono, sed kun esperanta traduko el la kataluna originala teksto. Oni prezentis etan biografion pri la vivo kaj verkaro de la konstruisto. La interesa filmo vive impresis la animon de la ĉeestantoj.

PRELEGOJ. — En la salono de la Kongresejo prelegis Prof. Jaime Aragay pri «Scienca, progreso kaj vivkreado en laboratorio». La prelegisto faris skizon pri la sciencaj atingaĵoj de la nuntempo kaj rakontis la biologiajn travivaĵojn de pluraj biologoj, biokemiistoj, Pasteur, Ramón y Cajal, Mendel, Neergaard, Ochoa, ĝis la atingo de la kreado de «viruso» grava scienca atingo en la genetika kampo.

En la sama loko sed en alia tago, prelegis S-ro Salvador Gumá, kompetenta esperantisto. Li parolis pri «Don Kiĥoto» kaj la agoj kaj faktoj kaj spritaĵoj de la protagonisto de la famega verko de Cervantes, elstarigante kelkajn citaĵojn de la hispana romano, kun la celo klarigi la profundan filozofion de l' autoro rilate la penson, ĥimerojn de la romanisto.

La aŭskultantaro aplaŭdis ambaŭ prelegistojn.

ORATORA KONKURSO. — Kiel kutime okazis publika ekzameno por bone taksi la personajn kvalitojn de la konkursantoj, koncerne la oratorarton. Evidentiĝis bona preparo de la partoprenintoj kaj rimarkinda elekto de la temoj, kiuj estis kuraĝaj, modernaj kaj tre taŭgaj por estigi altnivelan diskutadon kaj eltiri profitplenajn konkludojn.

Pro la altaj meritoj de la junaj oratoroj estis tre malfacile por la juĝantaro, esprimi sian verdikton ĉar ĉiuj havis sufiĉe da talento por bone sukcesi. Finfine la tribunalo, meze de spektinda silentado deklaris S-ron Otto Prist (el Oslo), gajninto. Tondra aplaŭdado aŭdiĝis en la salono. Oni liveris al la sukcesinto lignan skulptaĵon: «Don Kiĥoto».

VIZITOJ. — Multaj vizitoj efektiviĝis: Al Sportejo kaj Naĝejo, al la antikva parto de la urbo kaj Katedralo. Dumnokta vizito al la famaj «Rem paroj», konstruaĵo de diversaj epokoj kaj arkitekturaj stiloj. Je la eliro, la vizitintoj partoprenis la «sardanon», kataluna danco interpretita de tipa orkestro.

Dum la kongreso oni ekskursis al la fama montaro «Montserrat», situanta 1236 m. s. m. n. De ĉi-tie estas videbla belega panoramo de la tuta ĉirkaŭaĵo. Sur la supra ebenaĵo kaj antaŭ la monaĥejo mi iomete rakontis pri la orografio de la monto kaj historio kaj fondo de la religia konstruaĵo. Post la vizito de la preĝejo, ni malsupreniris la monton ĝis la alveno al vilaĝo Monistrol de Monserrat, kiu situas piede de la rivero Llobregat.

La urbestro de la vilaĝo S-ro Jaime Oller en akompano de la konsilantaro kaj reprezentantoj religiaj kaj militistaj kaj folklora infana grupeto atendadis nin antaŭ la urbestrejo en kiun ni eniris. En la ĉefa salono, okazis la prezentado de la internacia karavano kaj interŝanĝo de paroladoj. Poste, ni kune translokiĝis al proksima strateto por

inaŭguri belan marmortabulon honore al D-ro. L. Zamenhof. Tute same ni aliris al altaĵeto por inaŭguri ion tre interesan: «HEJS Junulara Restadejo HEF», temas pri domo konstruita de HEJS, branĉo de TEJO.

D-ro D. Miguel Sancho Izquierdo, prezidanto de HEF, rompis botelon da ĉampano kontraŭ la muro. Sekve ni eniris la ludsaloneton kie D-ro Sancho Izquierdo kaj S-ro Humphrey Tonkin, ĝenerala sekretario de TEJO, kuntiris verdan kurteneton por malkovri marmortabulon okaze de 24-a Kongreso de TEJO.

S-ro Tonkin diris la kutimajn vortojn kaj poste aldonis: «Estas vere imitinda la agado de HEJS, hispana branco de TEJO, kiu konstruis ĉi-tiun restadejon. Pro tio mi gratulas S-on S. Aragay pro tia agado meritanta imiton kaj aplaŭdojn.

La samideanaro eliris el la restadejo kaj ekstere oni disdonis kukaĵojn, fromaĝon kaj ĉampanon al la ĉeestantoj kiuj per tio, bonhumore kaj gaje festis la solenaĵon. La folklora grupeto de Monistrol de Montserrat kantis kaj dancis honore al vizitantoj.

Je la posttagmezo, la karavano adiaŭis la cititan vilaĝon kaj aliris al urbeto San Sadurní de Noya por viziti tie la ŝaumvinkelojn profundajn je 30 metroj, rimarkindajn kaj interesajn. Ekstere kaj en la parketo, oni denove regalis nin per speciala ĉampano kaj propagando de la koncernaj ŝaumaj vinoj.

AMUZOJ. — La ekskurso kaj vizito al vilaĝo Comarruga estis bone akceptita de la esperantistoj, ĉar tie troviĝas bela strando por naĝadi kaj amuzi sin laŭguste. La ĝuado en sunplena tago kaj en agrabla medio trankviligis tute nian spiriton kaj preparis ĉiujn por bona tagmanĝo.

BALO. — Dum la antaŭlasta tago de la kongreso, nokta balo estis organizita honore al la tejanoj, kiuj sur la planko de l' sportejo sin donis al dolĉa harmonio de la dancado. Profitante ĉi-okazaĵon, oni atente observadis la dancemajn parojn kun la celo elekti samtempe la «Esperantan Belulinon». La juĝistaro honorigis la svedan fraŭlineton, Karem Salmore per la verda silka skarpo. La elekto estis trafa kaj la aplaŭdado ĝenerala. Post la disdonado de donacoj al ĉiuj, la balo finiĝis.

FERMO DE LA KONGRESO. — La sekvantan tagon okazis la fermo de la kongreso. Kiam ĝi finiĝis, kortuŝaj adiaŭoj kaj ĝisoj estis aŭdataj en la salono.

Postagmeze, oni festis la solenaĵon per frateca bankedo, al kiu partoprenis la reprezentantoj de la urbestra moŝto kaj du lokaj ĵurnalistoj. Ni tutkore dankas ilin pro ilia afabla agado kaj plena sindonemo.

BONAN REVENON AL ĈIUJ MEMBROJ DE T.E.J.O., KAJ TOTALAN SUKCESON EN LA ESTONTA AGADO FAVORE AL NIA MOVADO KAJ PACIGO DE LA MONDO!

JAIME ARAGAY PUJOLS
*Fakdelegito de UEA,*
*por Instruado en Barcelono*

Grafika raporto pri la 24-a Internacia Junulara Kongreso de T.E.J.O. aperos en venonta numero de BOLETIN.

Interesas fotografaĵo de S-ino Sirkka Lehtivaara, dum la koncerto okaze de la Arta Vespero en Teatro de la Zarzuela, en Madrid.

Bonvolu ĝin sendi al Prezidanto de Hispana Esperanto-Aŭroro, S-ro Angel Figuerola, Víctor de la Serna, 19, Madrid (16), aŭ al la Sekr-ejo de H.E.F., Marina Moreno, 35, 4.°, Zaragoza.

*INTERNACIA RENKONTIĜO*

de esperantoamikoj partoprenantaj la printempan foiron 1969 en Leipzig okazos sabaton, 8-3-69, 19-a horo, en: Klub der Intelligeng «Gottfried Wilhelm Leibniz», Elsterstr. 35. Kulturprogramo kaj ebleco de konversaciado laŭ deziro.

Interesuloj bonvole anoncu partoprenon al:
Germana Kulturligo-Esperanto, GDR 701 Leipzig, Käthe-Kollwitz-Str. 115.



# XXXVI ª INTERNACIA KONGRESO DE BLINDAJ ESPERANTISTOJ

**Dum ripoziga momento, pozas por ni S-ro. Lucien Cote el Francujo kun Ges-roj. Figuerola kaj S-ro. Osuna Fajardo el Hispanujo.**

En la kadro de la 53-a U.K. de Esperanto okazis en Madrid, la 36-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj. Ĝi estis inaŭgurita la 4-an de aŭgusto, kun la partopreno de 80 esperantistoj el 9 landoj, kvankam estis aliĝitaj 112 esperantistoj.

Malfermis kaj Fermis la Kongreson la Prezidanto de la Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj. La Honora Prezidanto, Ekscelenca Moŝto Don Ignacio Satrústegui estis reprezentata de Lia Moŝto Don Juan Roca, membro de la Nacia Supera Konsilantaro por Blinduloj.

La Kongresa Prezidantaro konsistis el S-roj. Angel Figuerola Auque, Prezidanto; Vassio (italo) kaj Osuna (hispano) Vicprezidantoj kaj Pryst (norvego) kaj Zurita (hispano), Sekretarioj.

La kongresaj aranĝoj estis dividtaj en laboraj, kulturaj kaj distraj.

Dum la laborkunsidoj informis F-ino Moreno del Bosque (hispana) kaj S-roj. Gonin (franco), Sousa (portugalo), Osuna Fajardo, Jiménez Jerez kaj Gutiérrez de Tobar (hispanoj). Oni studis ĉiujn informojn, kiuj estis diskutitaj.

Oni ankaŭ studis aferojn rilatantajn al la Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj; al la Itala Asocio de Blindaj Esperantistoj kaj al Hispana Esperanto Aŭroro, kiu okazigis ĝian dekkvaran ĝeneralan kunvenon.

Unu propono kaj du rezolucioj estis aprobitaj.

La nevidantaj esperantistoj aŭskultis diversajn prelegojn, interalie pri La Esperantista blindul-movado en Hispanujo, La novaj instrumetodoj por edukado de blinduloj, La blinduloj en la ero de la atomo, Okpunta skribado...

En la kadro de kulturaj kaj distraj aranĝoj, la partoprenintoj en la 36-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj, vizitis la sidejon de la Nacia Organizo de Blinduloj (O.N.C.E.); ĉeestis en la Aŭditorion de la Ministrejo por Informado kaj Turismo por aŭskulti la koncerton de «Coral Zaragoza» kaj tiun de la Orkestro de la Radio kaj Televido hispanaj; ekskursis al «Valle de los Caídos» kaj «Escorial», kie pere de klarigoj en Esperanto, oni konigis al la kongresistoj la grandecon kaj mirigan belecon de ambaŭ monumentoj; la Arta Vespero, kiun partoprenis kiel artistoj, dek diverslandaj kongresistoj, estis ja interesa kaj ĉiuj ĉeestantoj montris sian aprobon kaj entuziasmon per varmaj aplaŭdoj. Fine, ili partoprenis la fratecan vespermanĝon organizita de la Esperanto-Grupo FRATECO, omaĝe de ĝia Prezidanto kaj Prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio, Lia Ekscelenca Moŝto Prof. D-ro. Miguel Sancho Izquierdo. Je la fino de la vespermanĝo ili povis admiri hispanan folkloron el Andaluzio, fare de grava folklora trupo.

La Kongreso bone sukcesis. Granda avantaĝo estis ke la Direkcio de la Nacia Restadejo de S.E.M., metis je la dispono de la L.K.K., la Grandan Salonon kie okazis ĉiuj specifikaj kongresaj aranĝoj. Ankaŭ en tiu Restadejo povis loĝi (per tre malalta prezo) ĉiuj kongresistoj, kiuj tion deziris.

Antaŭ ol fini, mi deziras esprimi mian dankon kaj gratulon al la Loka Kongresa Komitato, speciale al ĝia Prezidanto S-ro. Angel Figuerola Auque, kiu senlace laboradis ne nur por la sukceso de la 36-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj, sed ankaŭ por la sukceso de la 53-a U.K. de Esperanto. Li estis komitatano por enlanda informado, de la L.K.K. de la 53-a Universala Kongreso de Esperanto; posteno, kiun li forlasis nur post la komenco de la kongresoj, sed kiun li tiel lerte gvidis dum la organiza periodo kaj dum la unuaj kongresaj tagoj.

*G. B., Ceestinto*

## IIa PROVINCA ESPERANTISTA KUNVENO EN GERONA

okazonta la 17-an de novembro 1968

*Informoj*:

S-ro José Masías Sala, Apartado 97, GERONA

# DANKESPRIMO

Kiam mi legis en LA PRAKTIKO (Majo 1968, paĝo 68), jenan noteton:

«Ne malpli inspiraj estos la personaj kontaktoj kun la hispanaj esperantistoj, kiuj laboris kaj laboras en malfacilaj cirkonstancoj kaj tamen atingas admirindaj rezultojn. Ili bezonas kaj meritas ĉies apogon kaj respektojn. Konatiĝu kun ili», mi pensis tuj danki al ili tiun komenton, sed ĝis nun —verdire— mi ne havis tempon.

Dankon kara Redaktoro pro via kuraĝigo al ĉiuj esperantistoj partopreni la 53-an Universalan Kongreson. Sendube vi bone konis kiajn malfacilaĵojn ni havis dum ĝia organizado.

Kaj nun, post plenumi mian devon rilate al la redaktoro de LA PRAKTIKO, unuavice.

Mi deziras publike danki al nia Registaro; en ĉiuj Superaj Instancoj ĉiam ni trovis komprenemon kaj helpon por nia malfacila tasko.

Specialan dankon por ĉiuj partoprenintoj en la Kongreso; ili per ilia ĉeesto briligis kaj sukcesigis ĝin.

Mian plej koran dankon al la Prezidanto de U. E. A., Prof. D-ro Ivo Lapenna, kiu tiel afable estis kun ni dum la tagoj de la Kongreso, speciale post la fino de la Fermo.

Kaj mian forgeson por tiuj kiuj intence aŭ ne intence malagrabligis kaj malfaciligis la organizan kunlaboron Kongresan.

*INES GASTON*

# RENKONTIĜO M.E.F.A. - FIDO KAJ ESPERO EN VALLADOLID

La 29-an kaj 30-an de junio, okazis en Valladolid Renkontiĝo kiun partoprenis gesamideanoj el la loka societo kaj de Madrida Esperanto Fervojista Asocio (M. E. F. A.).

La 29-an matene samideanoj el nia Grupo akceptis la madridanojn en la stacidomo kaj kondukis ilin tra la urbo. Je la 5-a posttagmeze diversaj membroj de «FIDO KAJ ESPERO» kuniĝis kun la madridaj geesperantistoj en centra kafejo kie dum la trinkado de diversaj refreŝigaĵoj ili interparolis esperante. Poste oni montris al ili la antikvan kaj modernan partojn de la urbo.

Je la 9-a horo vespere okazis oficiala akcepto en la sidejo de la Grupo, kiu komenciĝis per bonvenigaj vortoj de la Vicprezidanto de «Fido kaj Espero», S-ro Gamboa. Sekve Sano Gil Contreras, Prezidanto de la Grupo diris kelkajn vortojn en la internacia lingvo esprimante sian ĝojon pro la vizito de la madridanoj. Je la fino de sia paroladeto kaj kiel memoraĵon de la vizito, oni donacis flageton kun la ŝildo el Valladolid al la estro de la vizitanta Grupo S-ro Miro. Tiu-ĉi samideano dankinte la donacon nome de MEFA parolis pri la esperanta movado kaj ĝia rilato kun la vivo de D-ro Zamenhof kaj la malfacilaĵoj kiujn trovis la Internacia Lingvo por sia disvolviĝo. Fine S-ro Martín Herrero ,Vicsekretario de la Grupo kaj fervojisto diris kelkajn vortojn dankante al S-ro Miro, pioniro de la esperantista movado inter la hispanaj fervojistoj, pro lia interesa prelego.

La 30-an je la 10-a kaj duono ĉiuj ĉeestis Sanktan Meson en Preĝejo Sta. Paŭlo kaj je la eliro oni faris komunan foton. Poste ili vizitis la Nacian Skulptartan Muzeon kie ili admiris la famajn kaj belajn artverkojn de la kastilia skolo.

Je la 1-a horo kaj duono postagmeze en la sidejo de la Grupo oni gustumis aperitivon. Fine esperantistoj el ambaŭ urboj kuniĝis en frata bankedo en tipa restoracio; inter ĉiuj partoprenantoj regis ĝoja etoso kaj al la vizitantoj estis donacitaj tipaj valladolidaj pinfruktoj.

Tiel finiĝis du neforgeseblaj tagoj por ĉiuj partoprenantoj kaj la esperantistoj el Valladolid adiaŭis al la madridanoj ĝis la U. K.

*ĈEESTANTOJ*

# NIAJ GRUPOJ

*MADRID -- GRUPO DIAMANTO*

El día 21 de julio, clausuró el curso el Grupo DIAMANTO, celebrando con tal motivo una simpática fiesta. El acto tuvo lugar en los locales del Grupo (Dr. Espina, 34), con asistencia de numeroso público entre el que figuraban muchos esperantistas madrileños pertenecientes al Liceo de Esperanto Madrileño, a la Asociación Madrileña de Ferroviarios Esperantistas (MEFA) y otros varios.

En primer lugar hubo proyección de películas que fueron muy del agrado de todos y a continuación se celebró el acto de clausura, bajo la presidencia de la señorita Inés Gastón, Secretaria de la Federación Española de Esperanto; don Angel Figuerola, Presidente del Liceo Madrileño de Esperanto; don Angel Gansó, Presidente del Grupo DIAMANTO, y la Secretaria del mismo, señorita Patrito Polo.

Después de abierta la sesión, don Angel Gansó tomó la palabra para manifestar su satisfacción por el desenvolvimiento de las labores del Grupo, durante el curso que finalizaba, e hizo entrega de una insignia de Esperanto a todos los que con tanto aprovechamiento habían seguido los cursos de Esperanto que se habían explicado durante el año, teniendo palabras de elogio para todos ellos y en especial para don Naftalí Mulas, quien con tanto entusiasmo trabaja por la difusión de la Lengua Internacional, desde el momento en que se incorporó al Grupo.

A continuación el Jefe de la Sección Infantil, don Francisco Romo, hizo entrega de los premios a los tres ganadores en el Concurso de Dibujos Infantiles. Todos los dibujos estuvieron expuestos en el Grupo y hay que felicitar a todos los participantes en el mismo y en especial a su organizador, señor Navarro.

Seguidamente hizo uso de la palabra la Secretaria de la Federación Española de Esperanto, quien en primer lugar felicitó al señor Gansó y a toda la Directiva del Grupo por el buen funcionamiento del mismo que culminó con la agradable fiesta que estábamos viviendo; a continuación estimuló a los nuevos esperantistas y a todos los miembros del Grupo en general a seguir en su labor y sobre todo para que procuren superarse cada vez más en el aprendizaje del idioma, y por último dirigiéndose a los padres de todos aquellos niños, les explicó la importancia que en todos los órdenes tiene la Lengua Internacional y les exhortó a que siguieran fomentando en sus hijos el deseo de aprenderla y los sentimientos de paz y amor que ella encarna.

Terminó, agradeciendo a todos la colaboración prometida para el buen funcionamiento de los servicios que se establezcan con motivo del desenvolvimiento del 53 Congreso Universal de Esperanto.

Por último, don Angel Figuerola, con su facilidad de palabra y claro criterio, nos dio una verdadera lección de esperantismo, subrayando algunos de los conceptos expuestos y manifestó su satisfacción por el espíritu de colaboración existente entre los Grupos de Esperanto en Madrid.

Todos los participantes en el acto, fueron calurosamente aplaudidos al finalizar sus intervenciones, así como los alumnos que con tanto aprovechamiento finalizaron el curso y los niños premiados en el concurso de dibujos.

Finalizó el acto con la presentación a los asistentes de la nueva bandera del Grupo y se tocó el Himno Esperantista, que fue escuchado por los asistentes puestos en pie.

Acabada la sesión de clausura del curso, los asistentes fueron obsequiados por un aperitivo.

*CENTRO DE ESPERANTO SABADELL*

S-ro. José Borda, Prezidanto de la Esperanto-Grupo de Sabadell, siatempe informis nin —por publikigo en BOLETIN n.º majo-junio— pri la reorganizado de la Sabadell-a Esperanto-Grupo.

Nun, S-ro Luis Serrano, Sekretario de la Grupo, sendas por publikigo jenan noteton:

«La ĝisnuna sekcio de Esperanto de la Kooperativo «La Sabadellense», fariĝis memstara oficialigita asocio kun statutoj aprobitaj de la Provincestro de Barcelona kaj de nun prenas la nomon, «CENTRO DE ESPERANTO SABADELL».

Okaze de la Fondiĝa Eksterordinara Kunveno oni elektis la jenan Estraron:

Prezidanto, José Borda Serra; Vicprezidanto, Vicente Mateu Nouvila; Sekretario, Luis Serrano Pérez; Vicsekretario, Magdalena Clerch Regull; Kasisto, Martín Armengol Llobet; Administranto, Pedro Soler Miró; 1.ª Voĉdonanto, Llibert Puig Gandía; 2.ª Voĉdonanto, Juan Nebot Leiva; 3.ª Voĉdonanto, Julio Aliagas Carbonell; 4.ª Voĉdonanto, Sebastián Ribes Gardera.

*FRATECO — ZARAGOZA*

La 3-an de julio, la veterana Esperanta-Societo FRATECO de Zaragoza plenumis sian 60-an datrevenon de seninterrompa agado.

Por festi tiun eventon, oni organizis publikan aranĝon. Kvar Prezidantoj de FRATECO kunestis ĉe la podio: S-roj Orós, de la Puente, Marqueta kaj Sancho-Izquierdo (ĉilasta jam estis Sekretario de la Societo je la jaro 1911-a), kaj ili kvar intervenis dum la kunveno por rakonti al la ĉeestantoj ion —ĉiam interesa— pri la vivo de la Societo dum la periodo de ilia Prezidanteco.

La publiko premiis iliajn intervenojn per varmaj aplaŭdoj.

Je la fino, la membroj de FRATECO traslokiĝis al centra restoracio, kie okazis komuna vespermanĝo.

# VI a INTERNACIA GEOGRAFIA SEMAJNO

(11 - 17 Aŭgusto, 1968 a)

Kun partopreno de delegitoj el dekunu landoj (nome: Norvegujo, Ĉeĥoslovakujo, Svislando, Nederlando, Germanujo, Britujo, Insulo Mauricio, Egiptujo, Jugoslavio, Francujo plus Hispanujo) okazis en Bilbao la VI-a Internacia Geografia Semajno.

Post la agrabla interkonatiĝa vespero okazinta la 11-an aŭgusto, je 11-a vespere en la Prelega Salono de la Studenta Restadejo «ESTEBAN TERRADAS», la ĉeestintoj decidis, jam je la 12,30 h. vespere, ke estus dece ke ĉiu birdo iru en sian neston por enmagazenigi freŝajn fortojn por la sekvantaj tagoj.

La dekduan de aŭgusto, je la deka matene, estis inaŭgurita la, dum la tuta daŭro, agrabla semajno post kelkaj enkondukaj vortoj de la Prezidanto de la Bilbao'a Esperanto-Grupo, S-ro Otaola, post kiu sekvis interesa prelego de la Prezidanto de la Internacia Geografia Asocio, kun sidejo en BEOGRAD. S-ro Prof. Lic. TIBOR SEKELJ. La prelego estis aŭskultata, ne nur atente, sed eĉ avide de la ĉeestantaro, inter kiu troviĝis la loka ĵurnalisto S-ro GERMAN DE ASPIUNZA kiu, dum la daŭro de la semajno publikigis kelkajn raportojn en la vespera tagĵurnalo «HIERRO».

Je la oka vespere okazis ege interesa diskuthoro, en kiu partoprenis «CIUJ DELEGITOJ», k. kiu estis ankaŭ intereseme aŭskultata de la citita ĵurnalisto kiu, tuj poste, havis interesan intervjuon kun Lic. Prof. SEKELJ, kiu estis publikigita sekvantan tagon en la jam citita tagĵurnalo.

La 13-an aŭgusto, je la naŭa matene, ni ekveturis aŭtobuse al la GROTOJ DE SANTIMAMINJE, en vilaĝo KORTEZUBI, apud GERNIKA. La grotoj estis vizitataj de ĉiuj gepartoprenintoj k. tio okazigis grandan elspezon de la disponebla tempo, pro kio la gvidantoj de la ekskurso decidis, tuj post la vizito, vojaĝi rekte ĝis la fiŝista loĝloko nomata LEKEITIO, en kiu urbeto oni povas trovi Maran Klubon, tipajn trinkejojn k. du belajn, sendanĝerajn strandojn. Post mallonga promenado tra la agrabla somerumejo, la gepartoprenintoj iris tagmanĝi al la t. n. «HOSTAL DE LA EMPERATRIZ» («Hotelo de la Imperiestrino»), kie la Imperiestrino Zita de Aŭstrujo-Hungarujo pasigis kelkajn jarojn kiel ekzilitino, akompanate de Princo Otto de Habsburgo, el Aŭstrujo.

Ĝis la kvina horo posttagmeze, la gepartoprenintoj pasigis tre agrable la tempon dum interesa babilado posttagmanĝa. Denove mallonga promenadeto tra la ĉarma somerumejo k. ni ĉiuj enaŭtomobiliĝis denove por reiro al GERNIKA. En tiu-ĉi vaska urbeto ni vizitis la faman «Casa de Juntas», t. e. la Parlamentejon de la antikvaj vaskoj, kies leĝojn oni ellaboris sub la ombro de la jam tutmonde famkonata «Arbo de Gernika». En tiu konstruaĵo oni klarigis al la ĉeestantaro la diversajn survitrajn k. surmurajn pentraĵojn kun la datoj kiam la hispanaj gereĝoj ĵuris defendi k. neniam tuŝi la vaskan leĝaron. Bedaŭrinde, post la karolistaj k. civilaj militoj la vaskoj perdis ĉiujn liberecojn kiujn ili havis. La klarigoj de la parolisto estis lerte tradukitaj, en Esperanton, de S-ro Prof. TIBOR SEKELJ.

La 14-an de aŭgusto, je la 9,30 h. matene, okazis denove interesa diskuthoro, post kiu la aŭtobuso jam estis preta forveturi al dummatena ekskurso ĝis PLENCIA, tra la dekstra bordo de l' rivero NERVION, kun haltado en ALGORTA k. BARRIKA. Post promenado tra la haveneto ASTONDO (fino de l' matena ekskurseto), ni ĉiuj revenis en Bilbaon por tagmanĝi k. ripozi.

Je la 4-a posttagmeze, ni denove enaŭtomobiliĝis por ĝui la vidindaĵojn de la supraĵo de l' monto «ARTXANDA». Bedaŭrinde, la vetero estis nebula k. apenaŭ ni povis vidi ion. Ankaŭ dum la mateno la vetero ne estis tre favora al ni, ĉar sporade pluvetis.

Vizito al la Bilbao'a Sporta Klubo okazis posttagmeze en akompano de la Sekretario de la Bilbao'a Esperanto-Grupo, simpatia, sindonema k. altmerita samideano S-ro LARROUY. Intertempe, la Prezidanto de la Grupo, akompanate de S-ro Prof. TIBOR SEKELJ, aranĝis publikan paroladon en tiu tuj inaŭgurota Sporta Klubo, por la venonta lundo, je la oka vespere, kiu tre bone sukcesis.

Je la 8,30 h. vespere k. denove en la Prelega Salono de la Studenta Loĝejo «ESTEBAN TERRADAS», prelegis Prof. S-ro D-ro Nassif Izaak, el Egiptujo, kies interesa prelego estis ankaŭ avide k. interesplene sekvata de la jam plurfoje citita ĵurnalisto S-ro GERMAN DE AS-

PIUNZA kiu, tuj poste, intervjuis D-ron Izaak Nassif. Tiu-ĉi intervjuo ankaŭ aperis, la 16-an de aŭgusto, en la vespera tagĵurnalo «HIERRO».

Kaj ni alvenis en la 15-an de aŭgusto, kiu estas grava festotago en BILBAO. Guste kiam komenciĝas la t. n. «GRANDA SEMAJNO» en Bilbao. Matene, je la 10-a, ni komencis promenadon tra la urbo ĝis BEGONJA, aneksita loĝloko al Bilbao, kiu loko estis plenplena de gefervoruloj dezireganta festi la datrevenon de la Cieliro de la Virgulino. Neniel estis eble enpenetri en la Sanktan Bazilikon de BEGONJA, sed ni povis longe promenadi tra la ĉirkaŭaĵoj k. ĝui la prezentadon de kelkaj vaskaj dancoj sur la placo situanta tuj post la citita Preĝejo, samkiel la ordinaran koncerton de la urba muzikistaro el BILBAO.

Posttagmeze, je la kvina horo, ni vizitis la Internacian Specimenfojron en BILBAO, speciale invitite de ties Sekretario k. bone regalate k. priatentate de du el la oficistoj de la Internacia Fojro.

Kaj vespere, je la oka horo, okazis ankoraŭ, en la ejo de nia Bilbao'a Esperanto-Grupo, diskuthoro ĉefe inter Profesoro SEKELJ k. gesinjoroj HOLMES. Post tiu-ĉi programero, ankaŭ ni havis intervjuon, faritan de juna ĵurnalisto S-ro ZEBERIO. La intervjuitoj estis, denove, Prof. TIBOR SEKELJ, unue, k., pli poste, gesinjoroj HOLMES. Tiu juna ĵurnalisto venis speciale en nian Grupejon por fari ambaŭ intervjuojn. Ambaŭ aperis, kunigite, post kelkaj tagoj, en la matena tagĵurnalo «EL CORREO ESPAÑOL» («La Hispana Kuriero»).

Post la intervjuoj k. diskuthoro, ni transiris al la LUNĈO, donacita de la Bilbao'a Esperanto-Grupo. Post tiu-ĉi ĝojiga programero, kiu estis tre ŝatata de ĉiuj geĉeestantoj, okazis ankaŭ vigla BALO, kiu daŭris tiel longe, ke la geeksterlandanoj iris en la vespermanĝejon de la Studenta Restadejo «ESTEBAN TERRADAS» pli malfrue ol estis interkonsentite.

La 16-an aŭgusto, je la naŭa matene, ni forveturis al SANTILLANA DEL MAR (Grotoj de Altamira). Bedaŭrinde, ke gesinjoroj Holmes ne povis partopreni pro okaza k. ne grava malsaneto de S-ro HOLMES. La vetero, domaĝe, ne estis tre favora pro troa nebulo k. sporadaj pluvetoj. Sed jam je la tagmezo la suno pli k. pli brilis k. tial ni bone povis ĝui belan posttagmezon kun detala vizito al la famkonataj «GROTOJ DE ALTAMIRA», post antaŭa vizito, kun tagmanĝo, al la tuta antikva k. pitoreska urbeto.

Jam vespere, je la 5,30 h., ni forveturis al SANTANDER, akompanataj de la tiea Delegito de U.E.A. S-ro URBANO GOMEZ COLLADO, kiu akceptis nin, jam matene, en SANTILLANA DEL MAR. Ni vizitis, pli poste, la pentrindan Lumturon de «CABO MAYOR», k. ĝuis ties ravan pejzaĝon kun elrigardo al «CABO QUINTRES», k. enirejon de l' bela k. natura haveno de SANTANDER k. la belajn tri strandojn de l' mondkonata somerumeja loko nomata «EL SARDINERO». Ankaŭ ni iomete haltis en tiu-ĉi lasta loko (ĝardenoj de «Piquio» k. apud la Kazino) por iomete ĝui la viglan somerumejan vivadon tie. Kaj post malrapida travojaĝado de la apudmara promenejo «Paseo de la Reina Victoria» k. de la tuta urbo SANTANDER, ni ekvojaĝis denove al Bilbao, post adiaŭo al S-ro GOMEZ COLLADO k. post ioma haltado en somerumeja loko nomata CASTRO-URDIALES. Ni alvenis en Bilbaon ĉirkaŭ la 10-a nokte.

La 17-an de aŭgusto, matene, okazis denove prelego de Profesoro TIBOR SEKELJ, kun denova intervjuo de ĵurnalisto, okazinta antaŭ la prelego. Je la 12-a horo, ni iris viziti la Muzeon de l' Moderna Arto, en la Bilbao'a Parko, kies vizitado daŭris ĝis la 13,30 h.

Posttagmeze, denove prelego de Profesoro S-ro TIBOR SEKELJ en la Prelega Salono de la Studenta Restadejo «ESTEBAN TERRADAS». Tuj poste, ni ĉiuj translokiĝis al la Sidejo de la Bilbao'a Esperanto-Grupo, kie ni havis ankoraŭ diskuthoron k. pli poste paroladon de nia eminenta loka samideano S-ro Manuel de Elezkano, pere de magnetofona bendo, kun aldono de du belaj poeziaĵoj de li mem verkitaj. Sekvis popola vaska muziko, prezentita per gramofonaj diskoj, k. tuj poste BALO k. ADIAŬO.

Ekster la programo de la VI-a Internacia Geografia Semajno, okazis ankaŭ sekvantan lundon —la 19-an—, je la oka vespere, interesa prelego de Profesoro S-ro TIBOR SEKELJ, pri vojaĝo k. geografiaj esploradoj tra Sudameriko, t. e. AMAZONIO k. BOLIVIO. Ĝi estis multnombre ĉeestata, malgraŭ la somera sezono k. varmego reganta en tiu tago. La interesplena k. sprita rakontado, kun lumbildoj, estis streĉe sekvata de la publiko kiu, ĉe la fino, dankis S-ron SEKELJ per varme, longedaŭra k. tondra aplaŭdado.

(Sekvas al la 33)

# REZOLUZIOJ DE LA 53ᵃ U. K. DE ESPERANTO

## REZOLUCIO 1: *POR LA HOMAJ RAJTOJ*

La 53-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninta en Madrid de la 3-a ĝis la 10-a de aŭgusto 1968, kun 1800 partoprenantoj el 40 landoj, aŭdinte prelegon pri la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj kaj diskutinte en la Unua Generala Kunveno de la Kongreso raporton pri la Kulturaj Rajtoj kaj Lingva Diskriminacio,

1. *Rekomendas* al la Landaj Asocioj kaj al la Landaj Sekcioj de Fakaj Internaciaj Organizaĵoj apartenantaj al Universala Esperanto-Asocio, instigi siajn Registarojn akcepti, konforme al la respektivaj konstituciaj proceduroj, ĉiujn konvenciojn rilatantajn al la Homaj Rajtoj, por kiuj ili voĉdonis, precipe la Pakton pri Ekonomiaj, Sociaj kaj Kulturaj Rajtoj, la Pakton pri Civitanaj kaj Politikaj Rajtoj kaj la Fakultativan Protokolon al tiu Pakto.

2. *Konstatas*, ke lingva diskriminacio, nome malegala traktado de lingvoj, manifestiĝas kaj sur internacia nivelo (ekz. la laboraj lingvoj en rilato al la oficialaj, la oficialaj en rilato al ĉiuj aliaj) kaj en kadroj de diversaj ŝtatoj, precipe koncerne la lingvojn de minoritataj etnaj grupoj, kio en kelkaj kazoj atingas la formojn de kultura genocido. Kiel ĉiu alia diskriminacio, ankaŭ la lingva esprimiĝas ĉefe en du formoj: objektiva (kaŭzita de la fakto mem de multlingveco) kaj subjektiva (antaŭjuĝoj pri la diskriminaciataj lingvoj kaj pri la kulturaj valoroj kreitaj en ili).

3. *Esprimas sian konvinkon*, ke la lingva problemo en la hodiaŭa mondo, inkluzive la traktatan aspekton de tiu problemo, povas esti efike kaj juste solvita nur per adekvata adopto de la Internacia Lingvo (Esperanto).

4. *Petas* la Centron de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo (London-Rotterdam) dediĉi apartan atenton al la lingva diskriminacio kaj publikigi dokumentojn, studojn kaj artikolojn pri tiu demando.

5. *Komisias* la Estraron de Universala Esperanto-Asocio vaste diskonigi tiun ĉi Rezolucion kaj komuniki ĝin al U.N., U.N.E.S.C.O. kaj aliaj internaciaj institucioj, kiel ankaŭ al la Ŝtatoj-Membroj de U.N. kaj U.N.E.S.C.O. kun peto pri konsidero de ĝia enhavo.

## REZOLUCIO 2: *ESPERANTO KAJ TURISMO*

La 53-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninta en Madrid de la 3-a ĝis la 10-a de aŭgusto 1968, kun 1800 partoprenantoj el 40 landoj, aŭdis Raporton de la estrarano de UEA pri turismo pri la situacio de Esperanto sur la kampo de turismo.

*La Raporto*, bazita grandparte sur la rezultoj de la Enketo farita laŭ la decido de la Konsilantaro de la Internacia Akademio de Turismo, klare montras la jam grandan praktikan aplikadon de Esperanto por turismaj celoj.

*Preskaŭ 700* turismaj organizaĵoj tra la tuta mondo jam praktike utiligas la Internacian Lingvon Esperanto eldonante broŝurojn aŭ prospektojn; ŝtataj oficejoj de pluraj landoj jam eldonis Esperanto-filmojn por la propagando de sia landa turismo; radio-stacioj de 19 landoj faris —en 1967— pli ol 2000 elsendojn en Esperanto por disaŭdigi interalie turismajn novaĵojn; U.N.E.S.C.O., la organizaĵo por Edukado, Scienco kaj Kulturo de U.N., rekonis Esperanton kiel gravan rimedon por kulturaj interŝanĝoj; la fervojaj administracioj de Aŭstrujo, Hungarujo, Polujo, Germanujo, Hispanujo, Finnlando, Italujo, Svislando kaj Jugoslavio utiligas Esperanton por horaroj kaj aliaj praktikaj celoj; 3500 delegitoj de Universala Esperanto-Asocio en 63 landoj disponigas siajn servojn ankaŭ por turismaj celoj.

*Sekve*, la Kongreso varme aprobas la Enketon faritan de la Internacia Akademio de Turismo kaj aliĝas al la deziro esprimita de tiom da Fakaj Organizaĵoj, ke la Faka Vortaro de Turismo, en kompetenta eldono de la Akademio, estu pliriĉigita per Esperanto-traduko.

*La Kongreso esprimas* sian altan estimon kaj profundan simpation al la Akademio, kiu akcelas la pacon per kultura kaj kulturata turismo, same kiel Universala Esperanto-Asocio realigas, interalie, ankaŭ tiun celon per la Internacia Lingvo, kiu ebligas proksimiĝon de la popoloj, prezentante al ĉiuj homoj de bona volo la eblecon por pli bona interkompreniĝo.

## RESOLUCION 1: *LOS DERECHOS HUMANOS*

El 53 Congreso Universal de Esperanto, reunido en Madrid del 3 al 10 de agosto de 1968, con 1.800 participantes de 40 países, habiendo oído la conferencia acerca de la Declaración Universal de Derechos Humanos y habiendo discutido en la primera reunión general del Congreso una Memoria acerca de los Derechos Humanos y la Discriminación Lingüística.

1. Recomienda a las Asociaciones Nacionales y a las Secciones Nacionales de Organizaciones Internacionales Especializadas pertenecientes a la Asociación Universal de Esperanto, instiguen a sus Gobiernos a aceptar de acuerdo con los procedimientos constitucionales respectivos, todas las convenciones que traten los Derechos Humanos, para los que ellos votaron, principalmente el Pacto de Derechos Económicos, Sociales y Culturales, el Pacto de Derechos Civiles y Políticos y el Protocolo Facultativo a dicho Pacto.

2. Comprueba, que una discriminación lingüística, o sea un distinto trato de lenguas, se manifiesta en nivel internacional (por ejemplo las lenguas de trabajo en relación a las oficiales, las oficiales con relación a cada una de las otras) y en cuadros de diversos estados, principalmente concierne a las lenguas de grupos étnicos minoritarios, lo que en algunos casos alcanza formas de genocidio cultural. Como cualquier otra discriminación, también la lingüística se expresa principalmente en dos formas: objetiva (ocasionada por el hecho mismo de pluralidad de lenguas) y subjetiva (prejuicios acerca de las diversas lenguas y de los valores culturales creados por ellas).

3. Expresa su convencimiento, de que el problema lingüístico en el mundo actual, incluso el aspecto que se trata de dicho problema, puede ser eficaz y legalmente solucionado sólo con una adecuada adopción de la Lengua Internacional (Esperanto).

4.Pide al Centro de Exploración y Documentación acerca del Problema Lingüístico Mundial (Londres-Rotterdam) dediquen especial atención a la discriminación lingüística y publique documentos, estudios y artículos acerca de esa pregunta.

5. Comisiona a la Directiva de la Asociación Universal de Esperanto, para dar a conocer ampliamente esta Resolución y comunicarla a las N.U., U.N.E.S.C.O. y otras instituciones internacionales, así como a los Estados Miembros de las N.U. y U.N.E.S.C.O. con petición de que estudien su contenido.

## RESOLUCION 2: *ESPERANTO Y TURISMO*

El 53 Congreso Universal de Esperanto, reunido en Madrid del 3 al 10 de agosto de 1968, con 1.800 participantes de 40 países, oyó la Memoria del directivo de U.E.A. de turismo acerca de la situación del Esperanto en el campo del turismo.

La Memoria, basada en gran parte sobre los resultados de la encuesta hecha según decisión del Consejo de la Academia Internacional de Turismo, claramente demuestra la gran aplicación práctica de Esperanto para fines turísticos.

Cerca de 700 organizaciones turísticas en el mundo utilizan prácticamente la Lengua Internacional Esperanto editando folletos o prospectos; oficinas del Estado de varios países editaron ya películas en Esperanto para la propaganda de su turismo nacional; estaciones de radio de 19 países hiceron —en 1967— más de 2.000 emisiones en Esperanto para emitir entre otras cosas novedades turísticas; U.N.E.S.C.O., la organización para Educación, Ciencia y Cultura de las N.U., reconoció el Esperanto como solución importante para intercambios culturales; las administraciones ferroviarias de Austria, Hungría, Polonia, Alemania, España, Finlandia, Italia, Suiza y Yugoslavia, usan el Esperanto para horarios y otros fines prácticos; 3.500 delegados de la Asociación Universal de Esperanto en 63 países ofrecen sus servicios también para fines turísticos.

En consecuencia, el Congreso aprueba calurosamente la encuesta hecha por la Academia Internacional de Turismo y se une al deseo expresado por tantas Organizaciones Especializadas, de que el Vocabulario Especial de Turismo, editado competentemente por la Academia, sea enriquecido por la traducción en Esperanto.

El Congreso expresa su alta estimación y profunda simpatía hacia la Academia, que busca la paz por medio de la cultura y el turismo cultural, igual que la Asociación Universal de Esperanto hace realidad, entre otros, este ideal por medio de la Lengua Internacional, que hace posible la aproximación de los pueblos, presentando a los hombres la posibilidad de una mejor intercomprensión.

*Por el 53 Congreso Universal de Esperanto,*

LA PRESIDENCIA:

*Prof. D-ro. Ivo Lapenna, Director E. L. M. Wensing, Director E. Carlén, S-ro. G. Becker, Prof. d-ro. M. Sancho Izquierdo.*

**Madrid, 10 de agosto de 1968.**



Okaze de la 53-a Universala Kongreso, Pola Radio donacis al Hispana Esperanto-Federacio, medalon eldonitan omaĝe al D-ro Zamenhof en la centjara datreveno de lia naskiĝo, kaj la libron Varsovio Rekonstruita.

La donacon kunportis kaj donis al nia Prezidanto, D-ro Sancho Izquierdo, S-ro W. Skrabalak, program-direktoro de Pola Radio.

Kvankam nia Prezidanto, unue persone al S-ro Skrabalak, kaj poste, oficiale nome de H. E. F., jam esprimis nian dankon al Pola Radio, ni deziras —publike— danki al niaj polaj samideanoj, al kiuj ni sendas la certigon de nia sincera amikeco.

*RED.*

Profesoro SEKELJ k. nia klera vaska samideanino Fr-no BEGOÑA DE MENDIGUREN, estis invititaj vespermanĝi en popola vaska restoracio de la gvidantaro de la Bilbao'a Sporta Klubo, kiu ĝuste dum tiuj tagoj festis la datojn de la nova re-inaŭguro de la elreformita Sidejo, kiu enhavas du akvobasenojn, tre grandan gimnastikan salonon, ampleksan manpilkludejon por la vaska manpilkoludo k. a. vaskajn sportojn.

Dum la interesplena vespermanĝado k. pli posta interparolado k. interbabilado, oni parolis, i. a., pri organizado de «safari» (ĉasista ekskurso) tra Suda Afriko (eble Kenia) dum la venonta monato JANUARO 1969-a.

*CEESTINTO*

# RAPORTO PRI LA LABORPERIODO 1-an DE JULIO 1967 - 30-an DE JUNIO 1968, DE LA HISPANA ESPERANTO FEDERACIO

Unu pluran fojon ni alvenis al la momento prezenti al via konsidero, raporton pri la agado de H.E.F., dum la laborperiodo 1-an de Julio 1967 - 30-an de Junio 1968. Dum ĝi, la esperantista aktiveco de la Federacio daŭrigis regule sian ĉiam konstantan agadon.

Pri la 28-a Hispana Kongreso de Esperanto, okazinta en Zaragoza, ne estas necese ke ni parolu; siatempe, vi ĉiuj estis informitaj pere de BOLETIN, pri ĝia sukceso.

Pri la Unua Esperanto-Kunveno de la provinco Gerona, okazinta la 31-an de Oktobro, vi ĉiuj estis ankaŭ informitaj pere de BOLETIN. Ĝi estis organizita en kunlaboro kun la esperantistoj de Gerona. Nun ni povas informi al vi, ke la laboro de niaj samideanoj estis fruktodona, tial ke jam estas starigita Esperanto-Fako en la «Centro Excursionista de Gerona», kie oni organizas kursojn.

Nun, mi informos vin, pri la agado, laŭ la ĉefaj fakoj.

1-e. BOLETIN. — La aperado de BOLETIN daŭrigas laŭ dato regule. De nun, post la aperado de la nova leĝo pri gazetaro, la nomo de nia revueto estas registrita kiel propra nomo: «BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO»; sekve la Federacio, estas oficiale enkadrita inter la Gazetaraj Firmoj.

Ĉijare, mi devas ripeti kion mi diris en nia lasta raporto: Pro la eksterordinara informado okaze de la 53-a UNIVERSALA KONGRESO, okazonta en Madrid (kiam mi legos ĉi tiun raporton, jam okazanta), al la tutmonda esperantistaro pri nia lando, kaj al vi pri la Kongresoj —ni ne devas forgesi la 24-an Kongreson de TEJO kaj la 36-an Internacian Kongreson de Blindaj Esperantistoj— kaj ĉefe, pri la vivo en Esperantujo, estis denove necese pligrandigi la nombron da paĝoj de BOLETIN. Je ĉi tiu okazo, ni devas danki ne nur al nia samideano Carlos Boloix, kiu multe helpas por ebligi la efektivigon de kio estas vera bezono, sed ankaŭ, al ĉiuj niaj kunlaborantoj, kiuj senlace laboris. Por ĉiuj ili, nome de la Estraro de H. E. F. KORAN DANKON!!!

Nun mi devas rememorigi al vi, ke la decido de la gvidantoj de BOLETIN, aldoni al ĝi kvar plurajn paĝojn, estis eksterordinara por ĉi tiu, ni diru Kongresa Jaro. Por la estonto ,oni devos ankoraŭ decidi.

2-e. KASO. — En la numero Marto-Aprilo de BOLETIN, la Kasistino prezentis kontojn. Vi ĉiuj konas ilin. Bedaŭrinde la kotizoj ne sufiĉas por la ordinaraj elspezoj. Do, unu pluran fojon, mi ripetas: DANKON al ĉiuj samideanoj, kiuj responde al la alvoko de nia Prezidanto je la komenco de nia gvidlaboro kiel estraranoj de H. E. F., plialtigis siajn kotizojn.

Antaŭvidi la financan rezulton ĉijaran —jaro 1968— estas tute neeble Tion vi bone povas kompreni, pro la eksterordinaraj elspezoj okaze de la UNIVERSALA KONGRESO; ĉar ni bone konas vian komprenemon kaj helpemon, la Estraro de H. E. F., ne dubis inviti por la okazigo de la 53-a Universala Kongreso de Esperanto en Madrid, kvankam ĝi bone konsciis kiom kostas al H. E. F. la efektivigo de ĉi tiu grava evento.

3-e. SEKCIOJ DE H. E. F. — FERVOJISTA ASOCIO (H. E. F. A.). La Asocio en la diversaj urboj daŭrigis la kutiman aktivan agadon kaj regule organizis Esp.-kursojn en diversaj kulturaj societoj kaj en iliaj sidejoj, en tiuj urboj kiel ekzemple, Madrid, ekzistas «Fervojista Esperanto Grupo».

Tiu ĉi Sekcio efike plenumis sian rolon en la Kongresaj preparlaboroj, pli ol 20 el ĝiaj membroj partoprenis en la IFEF. Kongreso okazinta en Varna (Bulgarujo), kien ili alportis la inviton de la HEFA-anoj kaj ĝenerale de la ĉitieaj esperantistoj al niaj IFEF-aj samideanoj por ke ili venu al Madrid; nun, ĝi organizas en Barcelona kaj Madrid Esperanto-Informejojn en la stacidomoj, por plej bone helpi al niaj vizitantoj okaze de la Universala Kongreso. (Kiam mi legis ĉi tiun raporton, dum la Ĝ. Kunveno, mi jam informis pri tiu servo; multaj eksterlandanoj dankis nin pro ĝia organizado.)

HISPANA ESPERANTO AŬRORO: Tiu Sekcio daŭrigis siajn kutimajn aktivaĵojn ĉiam interesajn. Ĉijare, krom tiuj kutimaj aktivaĵoj, la sekcio, plene sin dediĉis al la organizado de la 36-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj, okazonta en la kadro de la 53-a U. K.; pri la preparlaboroj de la Kongreso kaj provizora programo, dum la jaro, vi jam estis informitaj pere de BOLETIN. Ĝian disvolviĝon kaj tutcer-

te sukceson, kiam mi legos ĉi tiun raporton, vi jam estos konstatintaj; ni ĉiuj konas la kapablon kaj sindonemon

Auroro, kiu tiel etike laboras sub la gvidado de la Prezidanto, S-ro Angel Figuerola.

JUNULARA SEKCIO (H. E. J. S.) regule eldonis sian plaĉan junularan bultenon. Ĉi tiu Sekcio daŭrigis la ĉiam konstantan agadon postulatan de la modernaj tempoj.

Ĝia laboro estis plene dediĉita kaj ankoraŭ estas dediĉata al la organizado de la 24-a Kongreso de T.E.J.O. kaj al la finpretigo de la JUNULARA RESTADEJO, por ke ĝi povu esti inaŭgurata dum la Kongreso.

Por la Estraro de H.E.F. ĉiuj sekcioj estas same karaj, sed tiu Junulara Sekcio, laŭ mia opinio, meritas specialan atenton ne nur de la estraro sed de ĉiuj federacianoj. Ili estas junaj, ili reprezentas la estontecon; la irota vojo estas longa kaj ne ĉiam glata, ni helpu ilin pere de nia komprenemo por ke ili ne laciĝu, same kiel ili helpas nin per ilia kunlaboro kaj konfido.

Mi, kiu krom denaske, estas ankaŭ veterana esperantistino, diras al vi: Kuraĝe antaŭen. Pensu ke ni, kiel esperantistoj —ne nur flue Esperanto parolantanoj— sed veraj esperantistoj, estas gefiloj de D-ro Zamenhof, kaj... Kion ni farus por esti indaj filoj de nia patro!!! Do, mi ripetas: KURAĜE ANTAŬEN!!!

4-e. INFORMA OFICEJO DE H.E.F. Sub la rekta gvidado de S-ro Salvador Aragay, ĝi daŭrigis sian normalan laboron. Krom tiu laboro, la Estraro de H.E.F. daŭrigis la informan laboron entreprenitan antaŭ du jaroj. Miloj kaj miloj da ekzempleroj de la broŝuro HECHOS FUNDAMENTALES DE LA LENGUA INTERNACIONAL ESPERANTO, estis disdonitaj en Hispanujo, ĉefe en la lernigaj centroj de la Universitataj distriktoj de nia lando. De la Universitatoj ĝis la Lernejoj por Unua Instruado. Frukton de tiu laboro oni jam antaŭvidas pro la nombro da Lernejestroj kiuj interesiĝis pri Esperanto kaj lernas Esperanton, aŭ almenaŭ mendis librojn por lerni ĝin. La informado pri nia lingvo en la Informigaj Rondoj de nia lando, ni opinias estis fruktodona; tion pruvas la kreskanta intereso pri Esperanto en tiuj rondoj.

5-e. ESPERANTO - KURSOJ PER KORESPONDADO. — Laŭ informo de S-ro Molera, gvidanto de la Kursoj, la servo bone funkcias.

6-e. LIBROSERVO. — Kiel mi diris pasintjare, la disvendado de libroj kontentige progresas. Ni pro tio ĝojas, ĉar

ĉijare, mi, kiel libroservantino devas aldoni: Dankon pro via komprenemo, mi bone konscias ke ĉijare la servo ne funkciis kiel dum antaŭaj jaroj pro la eksterordinara laboro en ĉiuj fakoj.

Ni nur devas bedaŭri en ĉi tiu servo, ke tiu kontentiga disvendado de libroj, estas nur de Lernolibroj —ĝojiga fakto por la Esperanto-movado kaj por tiuj, kiuj sin dediĉas al la informado, ĉar ĝi pruvas la intereson vekitan pri Esperanto—. Krom la unuopuloj, estas kelkaj Grupoj kiuj mendas librojn al nia Libroservo. Sed... estas tre malmultaj esperantistoj, kiuj aĉetas librojn por legi, kaj, kredu min, en Libroservo de H.E.F., estas je via dispono multaj interesaj kaj legindaj libroj pri diversaj temoj.

Por la fino mi lasis informi vin pri la agado de la Estraro rilate al la ĝeneralaj aferoj de la Federacio.

53-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO okazonta en Madrid. Ni devas mencii, kiel plej elstara atingo de nia Prezidanto, la afablan oficialan akcepton flanke de nia Ŝtatestro al la Loka Kongresa Komitato; pri tiu vizito, vi estis informitaj pere de BOLETIN; H.E.F. donacis al nia Ŝtatestro la insignon de la Kongreso el oro.

FUNDACION ESPERANTO: Kiel vi ĉiuj scias, en la Eksterordinara Generala Kunveno de H.E.F. estis aprobita aldono de artikolo al nia Regularo por ke la Federacio povu starigi «Fundación benéfico-docente» por pli facile disvastigi kaj instrui la Internacian Lingvon. Ni povas informi vin, ke la demarŝoj por starigi tiun FUNDACION estas komencitaj; kiam la Estraro decidis pri tiu grava afero, ni deziris prezenti al vi la Fondaĵon jam starigitan. Tio ne povis esti, sed ni esperas ke antaŭ la fino de la jaro, ni pere de BOLETIN povos prezenti al vi tiun atingon; kaj sekve informi al vi pri funkciado kaj kreado de premioj interne de la FUNDACION ESPERANTO.

Antaŭ fini ĉi tiun raporton mi devas danki ĉiujn Superajn Instancojn de nia lando, nome de la Estraro de H.E.F., pro la komprenemo, helpo kaj kuraĝigo, kiun ĉiumomente ili donis al ni dum nia organiza laboro de la 53-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO.

Zaragoza la 30-an de Junio 1968.

INES GASTON
*Sekretariino*

